FONDITA en 1908. TRIA SERIO

30a JARO — N° 205. Feb. 1962

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

## FRANCA ESPERANTISTO

U.E.F., 34, rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : PRO. 55.03

# LIBERECO - EGALECO - FRATECO

Dum kelkaj epokoj, la internacia lingvo Esperanto estis tiel disvastigita kaj rekonita en pluraj ŝtatoj, ke la celo — la ĝenerala akcepto — estis videbla je la horizonto. Sed intervenis obstakloj, ĉefe en formo de memfiera ŝovinismo kaj militoj. Mi memorigas pri nur kelkaj ekzemploj, el kiuj en unu eĉ franco ludis rolon. Kiam la Ligo de Nacioj en la jaro 1921 traktis proponon pri objektiva studo de Esperanto kiel komuna internacia lingvo, la fama franca diplomato Hanotaux publike deklaris : Esperanto ne estas bezonata, ĉar ni jam havas mondlingvon. Ĝi estas la franca. Unu jardekon poste, la germana diktatoro Hitler deklaris : Esperanto ne povas esti permesata studobjekto en nia regno, ĉar ni jam havas mondlingvon. Ĝi estas la germana. Kaj post ankoraŭ unu jardeko la anglaj kaj usonaj diplomatoj asertis : Esperanto ne estas bezonata, ĉar la mondlingvo estas la angla.

Kien blovas la vento nuntempe montras la fakto, ke la nova lerneja regularo por Svedlando, mia hejmlando, kiun regularon la parlamento diskutos kaj evidente akceptos post kelkaj monatoj, enhavas proponon, ke la angla lingvo estu instruata al ĉiuj svedaj infanoj ek de la 10-a jaraĝo, poste la germana libervole je la 14-a aĝo, sed la franca estu permesata instrulingvo nur je la 17-a aĝo.

Sed kiu Dio decidis, ke vi francoj, vi angloj, germanoj, hispanoj, rusoj kaj ĉinoj estu la estroj de la mondo, kaj ke viaj lingvoj devas regi, viaj lingvoj kiujn aliaj popoloj nur pene lernas kaj malofte estras ?

Dum pasintaj jarcentoj la homoj alkutimiĝis esti dividitaj en du klasoj : unu malmultnombra gvida klaso kaj alia granda malsupera klaso kun la celo servi la gvidan klason. Nuntempe en la plej multaj civilizitaj ŝtatoj reale ne ekzista supera kaj malsupera klasoj. Ni estas egalaj : ĉiuj estas pli malpli ekonomie sendependaj, kun la sama politika rajto kaj egaleco antaŭ la leĝo, kiu validas por ĉiuj.

Same dum jarcentoj aŭ jarmiloj ekzistis potencaj grandŝtatoj, kiuj regis la mondon, kaj la ceteraj duarangaj ŝtatoj. Sed nun la tempoj ŝanĝiĝis. Spirita kaj ekonomia kunlaboro kaj interŝanĝo inter la landoj, grandaj kaj malgrandaj, donas la esencan fundamenton por la vivo de la nuna tempo. La homoj en la iam duarangaj ŝtatoj konsideras sin home egalaj al la grandŝtatoj. Sekve ni ne plu toleras akcepti la humiligan situacion esti devigataj paroli la lingvon de grandŝtato, lingvon, kiun ni povas admiri kaj respekti, sed kiun ni ne estras. Kial ni devas je interŝtataj kontaktoj prezenti balbute niajn proponojn, niajn ideojn, niajn pensojn, dum vi elegante, libere kaj elokvente prezentas viajn opiniojn kaj sentojn en lingvo, kiu estas via sed ne nia gepatra lingvo?

Ho, francoj, vi kreis novan epokon en la homa mondhistorio per via slogano Libereco, egaleco kaj frateco **por** la popoloj. Nun faru novan mondepokon per la slogano Libereco, egaleco kaj frateco **inter** la popoloj. La realigo de tiu slogano grave dependas de la akcepto de supernacia, facile lernebla lingvo, kiu havas tiel logikan konstruon kaj tiel klaran elparolon, ke ĉiuj povas ĝin libere uzi kaj plene estri.

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO
**OFICIALA ORGANO DE U.E.F. (Unio Esperantista Franca)**

**34, Rue de Chabrol, Paris Xe - C.C.P. 855-35 Paris**

**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. Pierre PETIT,** U.E.F., 34, rue de Chabrol, PARIS Xe. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

## U. E. F. COTISATIONS

Les versements sont à effectuer au trésorier fédéral ou, à défaut, à l'U.E.F. (Paris). C.C.P. 855-35 Paris.

| | NF : |
|---|---|
| **MEMBRE APPROBATEUR** | 1,50 |
| **MEMBRE ACTIF** | 3,50 |
| **MEMBRE ACTIF** (avec abonnement) | 10 |
| **MEMBRE JUNIOR : moins de 21 ans*** (TEJO) et **étudiants**** | 6 |
| **MEMBRE BIENFAITEUR U.E.F.** (avec abonnement à la « RF d'E. ») | 20 |
| **MEMBRE A VIE U.E.F.** (avec abonnement) | 300 |
| **Abonnement seul à la REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO** | 7 |
| **Pour l'étranger — Por eksterlandaj abonantoj** | 10 |

SUPPLEMENT POUR **UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO** (U.E.A.)

| | NF : |
|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (reçoit l'Annuaire de l'U.E.A.) | 10 |
| **MEMBRO ABONANTO** (reçoit « Esperanto » et Annuaire) | 20 |

(La kotizoj de junuloj ĝis 21 jaroj * estas respektive **5 NF** kaj **10 NF** ; nun JMJ kaj JMA estas aŭtomate TEJO-anoj ; la pliaĝaj studentoj pagas plenan kotizon).

| | |
|---|---|
| **MEMBRO SUBTENANTO** | 30 |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** | 15,50 |

Les versements concernant le Groupe des Educateurs Espérantistes sont à faire à G.E.E., 6, rue de la Paix, Baugé (M.-et-L.) - C.C.P. Nantes 1501-41. Membre simple : 800 Fr. ; de soutien : 1.000 Fr. ; bienfaiteur : 1.200 Fr. (8, 10 et 12 NF).

* Indiquer la date de naissance.

** Indiquer la Faculté.


Tiu internacia lingvo estas Esperanto, kiu aperis antaŭ 75 jaroj. Dum la pasintaj jardekoj tiu lingvo, per helpo de oferemaj personoj kaj libervolaj organizaĵoj, estas provita en la plej diversaj kampoj de la homa vivo : kiel hejma lingvo inter diverslandaj geedzoj, en kongresoj kaj konferencoj, en sciencaj disertacioj, en beletraj verkoj. Tiu multflanka uzado kreis el la lingvoprojekto Esperanto la nunan vivantan lingvon Esperanto, kiu hodiaŭ estas uzata de centmiloj da homoj en ĉiuj mondpartoj.

Sur la bazo de la rezultoj, jam atingitaj per libervolaj fortoj, la tempo nun estas matura por transdoni la tutan mondlingvan problemon al la ŝtatoj kaj al interŝtataj organoj. Estas ilia devo finfari la taskon doni al la junularo de la mondo internacian komunikilon, kiun ĉiuj popoloj povos uzi sen ia humiligo antaŭ la reprezentantoj de iu ajn nacia kaj sen la perdo de tempo kaj energio por lerni malfacilan fremdan nacian lingvon.

Mi apelacias al vi francoj preni la iniciaton en tiu ĉi afero pere de internaciaj traktaĵoj. Per la iom-post-ioma enkonduko de la lingvo en la lernejoj, per radio kaj televido, la internacia lingvo povos esti plej vaste uzebla jam post 10 ĝis 20 jaroj. La nuna generacio de diplomatoj, komercistoj kaj intelektuloj ne bezonos lerni la lingvon, ĉar pasos sufiĉe longa tempo por komplete enkonduki ĝin, komence kiel traduklingvon apud la naciaj lingvoj, kaj nur poste, kiam la nova generacio plenkreskis, ĝi funkcios kiel sola lingvo je internaciaj rilatoj.

Kaj kiam tio plenumiĝis, via belsona gepatra lingvo estos parolata inter vi francoj, kaj la aliaj popoloj parolos siajn amatajn gepatrajn lingvojn kun siaj samlandanoj. Sed kiam ni renkontiĝos en internacia forumo, ni uzos la internacian lingvon. Tiam ni atingis la plenumon de la slogano.

Libereco, egaleco kaj frateco **en** la landoj kaj **inter** la landoj.

Ernfrid MALMGREN.
Stockholm je novjaro 1962.

---


**Dankon al S-ro C. Naoumoff pro la donaco de multaj ekzempleroj de la Botanika Terminaro de D-ro Malmanche.**

**Ni sendis unu el ili al ĉiuj esperantistaj farmaciistoj.**

# U. E. F.

## ALDONA PROTOKOLO DE LA KUNVENO DE LA KOMITA KUNVENO DE U.E.F.

KASTELO DE GRÉSILLON, 16 SEPTEMBRO 1961

**La ĉeestantoj notas la deklaron de S-ro Ribot :** « Je n'assisterai donc pas à la réunion du 16 sept. à Grésillon, dont vous serez aimable de me communiquer les résultats, pour savoir ce que je dois faire, au cas — fort improbable — où Petit ne donnerait pas sa démission, c'est moi qui vous enverrai la mienne ; le Conseil pourra donc, dès le 16, désigner mon successeur ». **(Letero de la 29-a de aŭgusto al S-ro Llech-Walter).**

**S-ro Petit petas de la Prezidante, ke ni sekvu la tagordon. Li respondos al la demando pri sia eventuala eksiĝo post la morala raporto.**

**S-ro Llech-Walter legas la ricevitajn leterojn kaj aparte insistas pri la komentoj al la cirkulero de S-ro Ribot.**

**S-ro Petit legas la leteron de S-ro Ribot al S-ro Ciliga kaj respondas rememorigante pri siaj aŭtaŭmilitaj kaj dummilitaj funkcioj en la franca movado. U.E.F. ŝuldas al li la fakton, ke ĝi estas jam « agréée par le Ministère de l'Education Nationale » kiel kultura asocio. Li klopodis ankaŭ por havigo de la unuaj subvencioj de tiu Ministerio.**

**En Auxerre li parolis ne nur je sia nomo sed ankaŭ reprezentis S-ron Llech-Walter kaj S-ron Guillaume. S-ro Petit akceptigis Esperanton en la tagordo de la Eŭropa Konsilio. Li konsideras malprava la agadmanieron de D-ro Herrmann kaj ne vidas ajnajn rezultojn el lia plurjara agado. Je la peto de S-ro Guillaume, S-ro Petit vizitis S-inon D. C. Li legas la leteron ricevitan de tiu persono kaj komentas ĝin.**

**S-roj Pierre Petit kaj Jean Guillaume proponas la transsendon de la tuta dosiero (kiu ne estis perdita, sed laŭ propono de S-ro Rousseau, en la dosiero « à classer », ĉar ĝi ŝajnis al li ie tiu momento iom « nebula » al S-ro Ribot, por studado kaj faro de raporto kun precizaj proponoj por la venonta kunveno de la Konsilio.**

**S-ro Petit memorigas la fiaskon de la demarŝoj faritaj antaŭmilite (1938) pro la malfavora respondo de la Ministerio pri Alilandaj Aferoj. Li opinias, ke nova provo ne sukcesos, sed li tute ne kontraŭas ĝin.**

**Pri la aliĝo kiel Faka Asocio de la Katolika Ligo al U.E.F., S-ro Petit respondas ke U.E.F. havas Statuton. La Katolika Ligo povas ĉiam aliĝi al U.E.F. laŭ tiu Statuto, tio estas, pagante la kotizojn por ĉiuj siaj membroj laŭ la tarifo de U.E.F., nenion pli, nenion malpli ol la ceteraj fakoj.**

**S-ro Chagnoux memorigas ke li intervenis samsence en Montélimar pri la fakoj.**

## LA CEFREDAKTORO ALVOKAS VIN

**Akceptinte la respondecon de la regula aperado de « Frnaca Esperantisto » ĝis la proksima nacia kongreso en Baugé, mi unue kore dankas mian amikon Jack Rousseau, kiu konsentis zorgi pri la « offset » numeroj.**

**La unua numero, pri kiu mi respondecas, estis tiu de decembro. La dua, la nuna, enhavas, kompreneble, tro da administraj artikoloj, sed tamen, estas oportuna, ke la membroj de U.E.F. sciu kiel eble plej multe pri la laboroj de la Konsilantaro.**

**Mi deziris havi la kunlaboradon de eminentaj esperantistoj internacie kaj nacie. En tiu-ĉi numero kaj en la sekvantaj, vi trovos la subskribojn de Ernfrid Malmgrem, Prezidinto de U.E.A., Emilja Lapenna kaj P. Zlatnar, komitatanoj de U.E.A., kaj de Léon Belhoste, Paul Ciliga, Jacques Doyelle, Norbert Epstein, Michel Duc Goninaz, Christiane Garrigue, Lucien Giloteaux, Jean Guillaume, Roland Jossinet, Juliette Fayot, Raymond Léger, Albert Lienhardt, René Llech-Walter, Jacques Manceau, Pierre Marly, Emile Motillon, Jack Rousseau, Raymond Schwartz, Jean Thierry, Gaston Waringhien.**

**Al ĉiuj, koran dankon por « Franca Esperantisto ».**

**P. PETIT.**

---

**S-ro Petit havas nenian respondecon en la tagordo kaj en la gvidado de la diskutoj dum la Kongreso en Epernay. Se membroj de U.E.F. preferas diskuti pli detale pri iu temo aŭ pri alia, tio estas ilia plena rajto en demokrata asocio.**

**Li memorigas ke depost Auxerre la nombre de U.E.F. anoj kreskas regula ĉiun jaron.**

**Pri la balotoj ĉe la Generala Asembleo, S-ro Petit rimarkigas ke se tiuj balotoj ŝajnis al S-ro Ribot neregulaj, li kaj li sole kulpas, ĉar kiel Ĝenerala Sekretario li devas zorgi pri la regulaj balotadoj dum la Ĝenerala Asembleo.**

**Pri Franca Esperantisto, S-ro Petit memorigas, ke li redaktis la gazeton « Franca Esperantisto » de la unua numero en 1934 ĝis la 76-a en 1946, kaj li montras ekzemplerojn de tiutempa kajero de nia oficiala organo. Poste li legas la oficialan respondon al S-ro Profichet, deputito, pri la peticio de S-ro Ribot. Le Ministro pri publika Instruado citis la opinion de la Konsilio pri Supera Instruado, kiu malfavoris la aldonon de Esperanto al la listo de la Lingvoj nedevigaj ĉe la bakalaŭra ekzameno, ĉar tiu lingvo devas servi ankaŭ je la kono de literaturo kaj civilizo.**

**Por lasi plenan liberecon al la Administrantaro, S-ro Petit proponas sian eksiĝon al la Prezidanto.**

**La Konsilio akceptas unuanime (krom la**

## KOMITATA KUNVENO DE LA 9-12-1961 DE U.E.F.
### 34, rue de Chabrol, Paris 10e

**Ĉeestis** : S-roj Llech-Walter, Petit, Guillaume, Rousseau, Rougetet, Motto, Gouget, Thierry, Manceau.

**Bedaŭris neĉeesti** : S-ro Marly (Bordeaux).

**Perletere konigis sian opinion pri la tagordo** : S-roj Bourdelon (Marseille), Lemaire (Lyon), Chagnoux (Centre), Waringhien (Pariza Regiono), Bosc (Normandio), Belhoste.

**KUNVENO MALFERMITA JE 9 h. 45**

I. — S-ro Petit sciigas al la komitato la forpason de J. Couteaux kaj proponas unu silentan minuton honore al tia bona esperantisto, eksprezidanto de U.E.F. kaj sindonema samideano.

II. — La komitato poste ekdiskutas laŭ la tagordo kies unua demando estas : Organizo de la Nacia Kongreso en Baugé. Prezidanto Llech-Walter sciigas la komitaton pri la pozicio de S-ro Micard, direktoro de la Kulturdomo, koncerne la okazigon de nacia kongreso en Baugé, kunkalkulante la personan konflikton kiu ekestis inter S-roj Ribot kaj Petit. Tiu kongreso koincidus kun la 10-a datreveno de la fondado de E.K.D. kaj S-ro Micard konsiderante la malpropagandon kaj la moralan domaĝon, kiu el tio povus rezulti por E.K.D. okaze de intensegaj kaj publikaj malakordoj, rifuzas akcepti la kongreson en Gresillon se antaŭe la konflikto ne estos finarangita iel ajn.

Konstatante, ke tiu problemo konsistigas aferon solvendan antaŭ la kongreso kaj do antaŭ la Unua demando de la tagordo, la ĉeestantoj komitatanoj unuanime decidas tuje celadi al klopodoj ebligontaj la finaraĝon de tiu konflikto.

III. — **Konflikto inter Ribot kaj Petit.** — S-ro Petit tuj dekomence deklaras, ke li mem alkondukis S-ron Ribot al komitataneco kaj tial estas surprizita de la malmildegaj atakoj fare de S-ro Ribot kontraŭ kiu li mem havas nenian riproĉemon.

Prezidanto Llech-Walter memorigas la historion de la okazintaĵoj kaj legas interŝanĝitajn de li kun D-ro Albault, kiu, per sia letero datumita de la 5-a de decembro, konfirmis sian kandidatecon je la funkcio de komitatano. Tiu ĉi kandidateco estas enregistrita.

Prezidanto Llech-Walter deklaras, ke li volas ludi rolon de arbitraciànto, kio ja estas tiu donita al prezidanto :

1) S-ro Ribot havas plenan rajton kritiki.

2) La formo de liaj kritikoj ne estas akceptebla.

3) Bedaŭrinde estas, ke li ĉesis ĉeesti la komitatajn kunvenojn.

4) Generala kunveno eksterordinara antaŭ kiu estos raportitaj la diversaj pozicioj, dum kiu oni evitos la personecajn atakojn kaj oni nur pritraktos la teknikajn kaj organizajn demandojn ,suverene juĝos.

5) Plej bona solvo estus repaciĝo — se S-ro Petit aŭ S-ro Guillaume estus for de la nova komitato, la Prezidanto petus, ke oni dankeme agnosku la servojn, kiujn ili faris, donante al ili la titilon de honoraj komitatanoj.

---

**sindeteno de S-roj Petit kaj Guillaume), la klarigojn de S-ro Petit kaj konsekvence malaprobas la cirkuleron de S-ro Ribot. S-ro Guillaume atentigas ke S-ro Ribot agis maldemokrate kaj malelegante. La Konsilio decidis transdoni al S-ro Ribot la studadon de la afero D. C., laŭ la farita propono (vidu ĉi-supre). La Prezidanto, kiu ankoraŭ ne ricevis la formalan eksiĝon de S-ro Ribot, esperas, same kiel la tuta Konsilio, ke tiu studado permesos al S-ro Ribot restadi en ĝia sino, almenaŭ kiel Direktoro de la Instrua Fako.**

**S-ro Guillaume, vic-prezidanto de U.E.F. prizorgos la gvidadon de la Generala Sekretarieco ĝis la venonta Kongreso.**

**En tiaj kondiĉoj, S-ro Petit reprenas sian eksiĝon.**

La Prezidanto : René LLECH-WALTER.

Iuj punktoj pri la pasinto estas precizigitaj.

1) La cirkulero U.E.F.-a nedatumita estas redaktita de Rousseau, Guillaume, Petit, kaj aprobita de Llech-Walter.

2) Dum la kunsido de l'komitato la 16-an de septembro en Gresillon, kiun S-ro Ribot ne ĉeestis, S-ro Petit proponis, ke li eksiĝu. Tiu memeksiĝo estis rifuzita. Ĉar S-ro Ribot estis deklarinta skribe, ke li ne plu ĉeestos la komitatajn kunvenojn, se S-ro Petit estos plutenate en sia komitataneco, oni nepre devis almenaŭ provizore daŭrigi la funkciadon de la asocio. S-ro Guillaume tial estis petata de la komitato ofici kiel ĝenerala sekretario dum atendado de solvo.

Same, pro la malsano de S-ro Ciliga, la komitato decidis, ke dumtempe S-ro Petit estos komisiita zorgi pri redakcio de Franca Esperantisto ĝis plena resaniĝo de S-ro Ciliga (1).

3) Afero de la 5 milionoj estas detale ekzamenita. La komitato konstatas, ke temis pri kunkondiĉa donaco, kiu entenis riskojn ne akcepteblajn de asocio. La propono estas onidire reprenita, sed la nuna komitato je unuanimeco de la ĉeestantoj konstatas, ke, kiel asocio, oni estis devinta ĝin rifuzi.

IV. — **Eksterordinara Generala Kunveno.** — La ĉeestantaj komitatanoj unuanime plus kelkaj reprezentitaj, decidas laŭ propono de Federacioj Languedoc-Roussillon kaj Pariza Regiono, kunvoki al eksterordinara ĝenerala kunveno antaŭ la nacia kongreso.

Je la tagordo de tiu kunveno estos :

1) Eksiĝo de la nuna komitato kaj balotelekto de nova komitato, diskutado pri la interna regularo.

2) Modifo de la statutoj por ilin igi konvenaj al peto pri agnosko dum Publika Utileco (projekto Thierry-Rougetet).

3) Ĉiuj U.E.F.-anoj povos ĝis la limdato de 1-a de februaro proponi demandojn enmetotajn en la tagordon.

Celante garantii neŭtralecon, estas decidite, ke tiu kunveno ne okazos en Parizo, sed en Centro de Francujo kaj sufiĉe malproksime de Baugé por ne ĝeni E.K.D.

Ĝi okazos de sabato 17-februaro 1962 je la 21-H ĝis plej malfrue, la dimanĉo je 12H en Bourges, Lyon, aŭ Tours laŭ tiu preferordo kaj ankaŭ laŭ la transport -- kaj loĝadaj eblecoj, tiel ke ĉiu povu ĝin partopreni.

V. — **Kongreso de Grésillon.** — **Subvencio por la Kultursemajno** : La Ministro montras eventualan eblecon pri subvencio da 3.000 novaj frankoj post ekzameno de kompleta buĝeto, se ne, subvencio por parta repago de la elspezoj de la ĉeestintoj.

Prezidanto Llech-Walter petos precizigojn.

**Poŝto** : S-ro Rousseau ekklopodis por ke estu uzata speciala poŝta stampilo en Baugé.

**Materia organizaĵo** : S-ino Cheverry kaj S-ro Micard.

Aniĝiloj estos aldonitaj al **Kulturaj Kajeroj** kaj **Franca Esperantisto.** Oni intencas presi 1.800 da tiuj aniĝiloj.

VI. — **Financoj : J. Rousseau.** — S-ro Rousseau kasisto preznetas sian buĝetoprojekton. Ĝi elreliefigas ke oni vendas 15.000 NF. de libroj, strato Chabrol kaj ke la profito de tiu enspezo egalas la 3/5 de la salaroj de nia konstanta sekretariino.

Aprobita estas tiu buĝetoprojekto.

VII. — **Pagitaj reklamoj en la gazetoj.** — Temas pri la perkoresponda kurso, kiu estas profitdona kaj povus pli ampleksiĝi. Oni presigis artikolon en « Le Monde » ; koston 180.

Ĝi estis farita tiel ke oni povos kontroli ĉu la petoj devenas de ĝi. La peto ekalvenas. Oni presigos duan anoncon kiam la enskriliĝoj venintaj de la unua estos pagintaj la duan.

VIII. — **Franca Esperantisto en offset.** — Kune estas kritikoj kaj aproboj.

La unua grava punkto estas ke la profito efektiviĝita per kvin numeroj ofset-aj sufiĉas por pagi unu presitan numeron.

La dua punkto estas : Nepre necesa la kunmetado de redaktistaro por pliviĝligi la redakcion de la gazeto : sola homo ne sufiĉas, necesas trovi volontulojn.

IX. — **En la Lernejoj.** — Tiu demando naskiĝis pro la Ministra respondo al nia petskribo. Teksto de tiu respondo estas transdonata al la lerna komisiono, por ke ĝi konigu sian opinion pri la pro tio farendaĵoj.

---

**(1) Rimarko** : Tiu ĉi sciigis al la Prezidanto de U.E.F. ke li ne estas eksiĝinta, sed nur en laborĉesa periodo.

X. — **Eldono de propagandiloj** : La teksto de S-ro Frangeul ne ankoraŭ estas preta. Bourdelon ŝatus ke oni aperigu la proponojn pri novaj propagandiloj en la gazeto (Neebla).

XI. — **Kopenhago** : Oni ĵus ricevis informojn pri la hotelprezoj. La Centra Sidejo studos ilin kaj dissendos cirkuleron pri la karavano.

XII. — **Reklamoj** : Antaŭ kelkaj tagoj aperis reklamon en la gazeto « Le Monde ». Ses personoj petis informojn. Laŭ la rezultatoj oni aperigos denove reklamojn, sed la provo estu farita almenaŭ trifoje.

XIII. — **Bultenoj** : Laŭ la ricevitaj respondoj, ne ĉiuj grupoj aŭ federacioj eldonas specialajn bultenojn. Sed anstataŭ ol presigi aparte bultenon, ili povus redakti ĉu unu aŭ du paĝojn, kiuj estus presitaj samtempe kun R.F.E. En tiuj paĝoj, ili bezonus enmeti nur lokajn aŭ regionajn informojn.

XIV. — Pluraj Konsilantoj sendis sian opinion pri la vivo de la grupoj. La Prezidanto intencas redakti novajn konsilojn al la grupoj je la nomo de U.E.F.

XV. — **Kotizoj** : En Lyon, Marseille, Perpignan, la nacia kaj internacia kotizoj estas entenitaj en la kotizo pagita al la loka grupo. Tio devus esti la nura maniero tra la tuta lando.

XVI. — **Renkonto en Romo** : Post nia dissendo de cirkulero al la porinstruistaj seminarioj, kie esperanto estas instruata, ni jam ricevis kelkajn jesajn respondojn. La lasta decido okazos en Grésillon post la kultura semajno.

XVII. — **R.F.E.** : Pro la malsano kaj trolaboreco de S-ro Ciliga, P. Petit akceptis zorgi pri la aperado de la prezitaj numeroj de la Revuo, dum Rousseau daŭre zorgas pri la ofsetaj numeroj. Kiam ĝi estis presita en Langres : unu numero kostis 0,75 ; nuntempe en Sablé nur 0,66 kaj ofseto 0,38. Tiu malalta prezo kompensas unu presitan numeron po 5 ofsetaj.

XVIII. — **Gazetara servo** : Post la kongreso en Harrogate ni presigis kaj dissendis sub formo de propagandilo la informon pri la tradukoj de du verkoj de Sartre kaj Cocteau. Nur S-ro Marly (Bordeaux) menciis ke Sud-Ouest aperigis ĝin. Sed plej ofte privataj proponoj estas pli efikaj.

XIX. — **Tombo Bastien** : Waringhien skribis ke li pli ŝatus la uzon de la nomo de Generalo Bastien por premio, ol meti tabulon eĉ marmoran sur lia tombo. Sed la konsilantaro decidas fari ambaŭ.

XX. — **Lerneja Kampanjo** : Belhoste, Bourdelon, Marly respondis jese. Tiu propono tute ne celas la anstataŭigon de la propagando kaj instruado de Esperanto en la unuagradaj lernejoj kaj liceoj. Sed ŝajnas ke la elementaj lernejoj estas tereno, kie ni povas ankaŭ bone kaj efike agi. Tiun propono estos transdonita al la Lerneja Komisiono (kun la ricevitaj rimarko) por studo kaj retransdono de opinio.

XXI. — **Diversajoj** : Berlot tradukis la libron de J. Rostand : **Tio, kion mi kredas.** Car kelkaj membroj pruntedonis sumon por eldona fako, U.E.F. zorgas pri la eldono de tiu libreto pere de Coconnier en 2.000 ekzempleroj.

Ribot sendis al U.E.F., sen antaŭa mendo 50 ekzemplerojn de Esperanto-Eclair vendotaj je 1 NF. Ni akceptas tiun sendaĵon, sed pagos ĝin post vendo.

XX. — **Statuto** : Post S-ro Thierry, S-ro Rougetet ankaŭ studis la ŝanĝon de la Statuto. Sed tio aspektas sufiĉe malfacila, precipe se temas pri rekono de publika utileco. S-ro Guillaume estos komisiita informiĝi ĉe la Federacioj, por ekscii kiamaniere ili funkcias : ĉu laŭleĝe aŭ ne.

XXIII. — **Eldona Kooperativo** : Ni ricevis proponon pri tio de S-ro Lienhardt. U.E.F. ne estas kutima eldonisto. Ni respondos al S-ro Lienhardt ke li kontaktiĝu kun E.F.E. kaj Delaire eventuale.

Je la 18 h. 45 la Prezidanto fermas la kunsidon.

J. MANCEAU — J. ROUSSEAU.

---

### MALLONGE

**La patro de German Titov (la soveta kosmonaŭte) estas esperantisto. Ni ricevis informon pri tio de moskva S-ano, kiu ankaŭ sendis libreton ruslingve, en kiu estas konfirmita tiu informo.**

***

**Nia amiko Guy Auguez (Lille) aperigis novan poemon pri esperanto en « Elan » nro 15 .**

## Jara raporto de la Estraro de U. E. F. pri nia landa aktivado

**Kiel kutime, ni havas la honoron prezenti al niaj membroj resumon de la francaj esperantistaj agadoj en 1961. Tuj mi deziras danki niajn grupestrojn kaj aktivajn samideanojn, kiuj pli multnombre kaj pli precize informis nin. Tial nia raporto estas farita laŭ pli bonaj elementoj.**

Sed antaŭ ĉio, ni deziras saluti la memoron de du eminentaj samideanoj, kiuj forpasis. Ili estas Generalo Bastien — iama prezidanto de U.E.A. — kiu havis dum jaroj tre gravan rolon en la nacia kaj internacia movadoj, kaj Jean Couteaux, iama prezidanto de U.E.F., senlaca kunlaboranto, kiu antaŭ kelkaj monatoj ankoraŭ faris tradukojn por nia oficejo. Ke iliaj memoroj helpu al ni, kiel ekzemplo por niaj laboroj !

### ADMINISTRADO

*CENTRA OFICEJO*. Danke S-rojn Guerrier, Tabernat kaj kelkajn bonvolemulojn ni modernigis la oficejon, sed bedaŭrinde la domo mem restas ne-bela.

En 1935, E. Archdeacon, per monofero, kaj P. Petit, per trafa organizo de profitdonaj turismaj aranĝoj, sukcesis starigi nian Chabrol-oficejon.

Ni esperas iam havi pli modernan centron per la helpo de alia meceno.

Pri la laboro mem : niaj membroj scias, ke ili povas ricevi rapidan respondon de nia sekretariino F-ino Paulier, kaj mi estas treege danka al ŝi pro ŝia senhalta laboro.

Kiel kutime, diversaj personoj bonvolas helpi al ŝi — ĉefe S-inoj Carabasse, Fayot, Noyes, Robin kaj F-ino Suchareau — kaj ankaŭ aliaj, kiuj alportis sian helpon dum la Pariza Foiro.

S-ro Belhoste, post Jean Couteaux, bonvolas helpi por tradukaĵoj. S-ro Poly ofte ĉiutage laboras ĉe la centro kaj post P. Royer, li zorgas pri la organizo de la biblioteko, kiu ĉiam pliriĉiĝas pro heredaĵoj kaj ricevo de la libroj, kiuj estis ĉe la Komerca Ĉambro de Parizo.

S-ro Dabezies estas nia « presisto » kaj sabate oni povas aŭdi la zumadon de lia maŝino en harmonio kun la du skribmaŝinoj.

En tia atmosfero J. Guillaume, P. Petit, J. Rousseau kaj J. Thierry studas kaj provas solvi specialajn problemojn aŭ kunvenas kun diversaj samideanoj.

Vespere kelkafoje okazas kursoj.

Vere, nia centro havas aktivan vivon, kelkfoje eĉ febran.

### FINANCOJ

Depost 4 jaroj nia kasisto, S-ro J. Rousseau, provis plibonigi la organizon de niaj financoj kaj nun rapide ni povas fari komparojn kaj vidi la evoluon de nia asocio.

Vi legos aparte lian raporton sed estas agrable montri al vi, ke inter 1958 kaj 1961, kotizoj duobliĝis (2.160-5.207). Librovendado kreskis de 13,700 ĝis 15.800. — Subvencioj de 400 ĝis 1.200 — Revuo : 3.800-5.900 ĝis 6.000-6.200. Tamen kontraŭe elspezoj ankaŭ kreskis : Sekretariato : 5.000 ĝis 6.200. — Oficejelspezoj : 1.000 ĝis 2.700. — Poŝtelspezoj restis hazarde neŝanĝitaj : 1.900 (ĉiuj ciferoj estas pojare kaj en novaj frankoj).

La plej gravaj elspezoj estas por la oficejo Chabrol kaj la gazeto, kiu ne alportas al ni financan profiton, sed kiu aliflanke havas diversajn avantaĝojn. Ekzemple : ni deziras plezurigi niajn membrojn pro interesa gazeto kaj eventuale montri al la oficialaj instancoj belaspektan revuon. (Tamen, por redukti la kostojn, ni adoptis novan formulon : unu numero el du aperos nun ofsete presita. S-ro J. Rousseau prizorgas sindone la akuratan pretigon de la ofset).

## EKSPOZICOJ

*Pli kaj pli niaj grupoj organizas ekspoziciojn por la ĝenerala publiko. Ili havas gravan valoron, ar ili montras la diversajn facetojn de nia movado kaj povas allogi, ĉu la idealistojn, ĉu la plej gravan nombron, kiu serĉas praktikan uzadon de nia lingvo : komerco, turismo, teknikaj aŭ kulturaj interŝanĝoj, aŭ simple kolektantoj ekz, de poŝtmarkoj. Oni povas ankaŭ uzi la okazon por vendo de libroj kaj propono de la perkoresponda kurso.*

*Ni deziras gratuli la diversajn klubojn, kiuj organizis la 23 ekspoziciojn en Francujo kaj ĉefe ni devas gratuli la fervojistan asocion kiu faris en St-Lazare-stacidomo en Parizo, bonegan ekspozicion, vizititan de proksimume 10.000 personoj.*

*Fine, ni deziras mencii la Foiron de Parizo, kiu ĉiujare akceptas multenombrajn vizitantoj ĉe nia Eeperanto-budo.*

## 53-a NACIA KONGRESO

Ĝi okazis en Epernay dum Pentekosto je la kontentiĝo de la partoprenantoj, kiuj ĝuis la programon kaj la lundan eliron. Ni speciale havas bonan memoraĵon pri la arta vespero, la balo kaj la vizitoj de la ĉampankeloj. Ni devas danki al S-roj Debaune kaj Debar kaj samtempe al la L.K.K.-anoj pri la bona organizo kaj la aranĝoj kun la oficialaj instancoj.

Kiel kutime, ni kunvenis sabate posttagmeze por la preparado de la kongreso kaj ekzamenoj. Okazis speciala kunveno de la delegitoj de U.E.A. Dimanĉe dum la tuta tago ni laboris kaj ni vidos la rezultojn de niaj planoj.

### GAZETARA SERVO

Nia lingvo estas konstante pli bone konata kaj la gazetoj aperigas pli ofte niajn komunikaĵojn. Dum la jaro oni indikis al ni nur du artikolojn kontraŭ la internacia lingvo.

Ni sendis diversajn artikolojn al la gazetoj kiuj estas favoraj al ni kaj ekzemple la presitan paĝon pri la teatraĵoj, prezentitaj dum la U.K. en Harrogate kun la fotoj de J. Cocteau kaj J.-P. Sartre.

Ni ankaŭ direktis pli bone specialigitajn artikolojn laŭ la fakoj. Ekzemple ni sendis religian novaĵon al katolikaj gazetoj. Same ni faris por radio kaj ŝipinformo.

S-ro Motillon ricevas la gazeteltranĉaĵojn kaj regule raportas al ni pri tio. Car diversaj artikoloj de li aperis en F.E. ni ŝatus havi reagojn de niaj membroj pri la listo de la favoraj gazetoj. Ekzemple, ĉu ĝi estas kompleta ?

### JUNULARO

Post la bona reorganizo de tiu fako, farita de S-ro Michel Turin kaj F-ino Blanc, la Junulorganizo renovigis sian estraron post la kongreso de Harrogate ĉe la Junulkongreso de Wokingham. F-ino Garrigue de Marseille estas la nuna prezidantino kaj ŝi havas la helpon de S-ro Michel Julien kiel sekretario kaj F-ino Sage kiel kasistino.

Ni deziras intiman kunlaboradon kun tiu fako kaj rezervas por ĝi lokon en nia gazeto F.E.

Ni multe deziras prosperon al, la junulorganizo.

### STUDENTOJ

Francan filion de S.T.E.Lo provas reorganizi la nova sekretario-kasisto de la Studenta Ligo, S-ro Paul Ciliga (56, rue d'Assas, Paris-X[e]). La interesatoj rilatu rekte kum li tiacele.

### ELDONAJOJ

Ni decidis eldoni tradukon de la libro de Jean Rostand : Kion mi kredas. Tiu aŭtoro estas amiko de nia lingvo kaj tiu libreto ŝajnas plaĉi al multaj personoj. D-ro P. Berlot faris la tradukon.

Ni ankaŭ intencas refari la libron : « Konsiloj al la grupoj », ĉar diversaj gvidantoj petis de ni informojn por organizi aŭ plibonigi la Esperantan lokan vivon.

Ni intencas sekvi la saman formulon, kiel en la libreto de F-ino Llech-Walter pri Sartre.

Nia nacia asocio ne estas la sola por pensi pri eldonoj. Niaj agemaj samideanoj P. Delaire, A. Lienhardt kaj A. Ribot regule presigas novajn librojn.

Ni devas aldoni, ke Roger Bernard tradukis du gravajn librojn : « Ŝipego Tenacity » kaj « Topaze », eldonitajn de Régulo Perez. A. Ribot eldonis la vortaron Franca-Esperantan de Roger Léger kaj Albert Albault.

### MAGNETOFONA SERVO

En niaj provincaj grupoj 17 el ili povas uzi magnetofonan aparaton. Plie, estas 5 aŭ 6 grupoj, kiuj ĝuas tiun avantaĝon en la Pariza regiono.

A la petantoj F-ino Paulier sendas la disponeblajn sonbendojn. Mi ŝatus substreki la gravecon de tiu servo kiu estas bona helpilo por la programoj, kaj la komencantoj povas aŭskulti bonajn voĉojn por lerni mem. La pruntedono kostas nur la sendelspezojn. Mi forte instigas la grupestrojn uzi pli kaj pli tiun modernan instrumetodon.

S-ro Muffang kaj la speciala servo de U.E.A., kiu posedas 130 programojn, povas helpi al ni. Ni povas eventuale organizi regulajn dissendojn inter la diversaj kluboj de nia lando.

S-ro Lentaigne, el Montpellier, pretigis Esperanto-ekspozicion projekcieblan sur ekrano, pere de foto-diapobitivoj koloraj, kun komentoj surbendigitaj.

### INSTRUADO

S-ro A. Ribot, same kiel S-ro Delaire, fariĝis profesia esperantisto kaj ni tre ĝojas konstati, ke ili bone sukcesas kaj eĉ eldonas librojn. Se ni povus havi cent tiajn propagandulojn nia movado rapide progresus. Sed mankas al ni la Ĉe-profesoroj, kiuj antaŭ la milito lernigis tiel agrable al ni la lingvon. Plie, ne estas sufiĉe multaj instruistoj, kiuj kuraĝas gvidi kursojn. Tamen estas facila afero por ili kaj D-ro Lapenna diris al ni, ke nia lingvo estas tiel simpla, ke sufiĉas al bone edukita persono legi la lecionon antaŭ ol fari la kurson.

Ni uzas la okazon, danki al multaj agemaj samideanoj kiuj persisteme faras kursojn, ĉu pluvas, ĉu neĝas, ĉu frostas, ili daŭre instruas kej eĉ ne havas tempon esti malsanetaj.

Ili povas fieri ĉar, laŭ la raporto de S-ro Tardieu, Direktoro de F.E.I., li disdonis por la jaro 1961 233 atestojn pri lernado, 36 superajn kaj 26 kapablecajn, entute 295 diplomojn. En 1960 estis nur 217 disdonitaj diplomoj.

La lerneja komisiono havas en S-ro Blanc tre efikan sekretarion, kiu regule informas nin pri la kursoj en Francujo. Tio estas tre utila al ni por la oficialaj klopodoj de U.E.F. kaj U.E.A. Ekzemple ni scias, ke okazis en 1961 20 kursoj en seminariaj lernejoj (2 devigaj en Perpignan). Tio estas treege grava por la estonto de la instruado kaj ni tre dankas al la organizantoj. Plie estis 70 kursoj en 58 lernejoj kun 1.200 lernantoj.

Ni povis organizi en Perpignan du gravajn manifestaciojn : le 2-an Pedagogian Kulturan Semajnon, dum Majo, kaj la Memorigan Semajnon pri la 102-a Datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof kaj pri la 13-a Datreveno de la Universala Deklaracio pri Homaj Rajtoj, dum Decembro, kun partopreno de aliurbaj prelegistoj kaj sub la aŭspicio de la fako « Junularo kaj Sportoj » de la Nacia Edukministerio.

### STATUTO DE U.E.F.

S-roj Thierry kaj Rougetet, post S-ro Couteaux, studis la modifojn, kiujn oni devus enigi en la statuton de U.E.F. por provi ricevi la agnoskon pri publika utileco por U.E.F.

Projekto de statuto kaj interna regularo estas proponita al la prezidantoj de Federacioj kaj fakaj Asocioj. Oni diskutos pri ĝi dum la venonta ĝenerala kunveno.

### ZAMENHOF STRATOJ

Dum 1961 oni inaŭguris du publikajn lokojn kun la nomo de D-ro Zamenhof. Estis, unue, la Kampadejo de Vallon Pont d'Arc kaj, due, strato en Fleury-les-Aubrais, apud Orléans. Gratulojn al tiuj, kiuj klopodis por tiu oficialigo. Nun Francujo havas 38 Esperanto-stratojn.

### GENERALA PROPAGANDO

Jen la informoj, kiuj venas el 53 grupoj.

Mi rimarkas, ke 14 grupoj havas oficialan sidejon de la urbo kaj 35 privatan. La plej granda nombro havas regulajn kunvenojn, plej ofte semajne, kaj nur malmultaj havas preparitajn programojn. En tuta Francujo estas nur 7 junulaj fakoj. 38 kluboj havas privatan bibliotekon por la membroj kaj 22 el ili povas uzi sonbendan aparaton. Pri eventuala vizito de eksterlandaj paroladistoj, 30 grupoj ŝatus inviti ilin. Ili estas pretaj pagi por

la restadelspezoj, krom unu kiu ne deziras elspezi. Nur du sen rezervo pagus la vojaĝelspezojn, 18 ne volas tiun koston kaj la resto pagus parton.

En la lokaj gazetoj aperis 594 artikoloj kaj 442 mallongaj anoncoj.

Pri la prelegoj oni informis nin pri 34 kun publiko de 2.100 personoj.

S-ro P. Petit faris paroladojn antaŭ la lernantoj de la seminario por Instruistoj en Versailles en ĉeesto de la direktoro kaj kelkaj profesoroj. Kurso sekvas.

Plie, li faris du prelegojn pri la uzado de Esperanto por la turismo kun limbildoj en privataj kluboj en Paris.

Pri radio estis nur 16 radio-dissendoj, sed ni ne devas forgesi la semajnan kurson de S-ro Delaire, kiu daŭre funkcias.

Por diversaj manifestacioj 59 grupoj uzis 404 afiŝojn kaj disdonis 33.780 flugfoliojn kaj 710 propagandilojn.

Al nia demando :: Ĉu en via regiono la intereso pri Esperanto ĝenerale kreskis aŭ malkresdis ? estis la jenaj respondoj : malkreskis : 2 ; kreskas : 20. Fine, ni konstatis, ke nur la duono de niaj grupoj ricevas subvencion. Ni nepre devas plibonigi tiun staton.

S-ro Retot faris aldonon al sia adresaro por internaciaj vojaĝantoj en 1961. La afero pliboniĝas sed estas evidente ka oni povus aldoni multajn adresojn en Francujo.

S-ro Thierry kaj S-ro Ciliga faris kelkajn paroladetojn en diversaj asocioj de Parizo.

S-ro Micard informis nin, ke la jaro por la Kulturdomo de Grésillon estis sufiĉe bona. Okazis kiel kutime la internacia renkonto, la diversaj kursoj kaj formado de profosoroj, kiuj plene sukcesis, ĉefe pro la nivelo de la programoj.

Li antaŭvidas en 1962 pli gravan aktivecon, ĉar ni havos dum Pasko specialan kulturan semajnon kaj la Nacian Kongreson.

Ni havis la ŝanĉon akcepti D-ron Hawvai, kiu vizitis 12 grupojn kaj parolis antaŭ 936 personoj. Oni tre ĝuis liajn programojn.

Sro A. Ribot vizitis 54 urbojn en 15 departementoj kaj faris 172 paroladojn antaŭ 1.377 instruistoj kaj gelernantoj. Post tiuj vizitoj, oni povis malfermi 13 kursojn en lernejoj. Bona laboro !

### NIA MEMBRARO

Ni havas kelkajn federaciestrojn, kiuj daŭre okupiĝas pri varbado. Ili meritas niajn dankojn kaj pli multaj gvidantoj kaj kasistoj devus pensi pri tiu grava problemo.

Ni ripetas, ke por niaj oficialaj instancoj nur la membraro havas potencon. Niaj kotizoj estas tre modestaj kaj sufiĉas regule pensi pri varbado, ĉu al neglektemaj membroj, ĉu al komencantoj. Memoru ke, kiam oni pagas, la afero ŝajnas esti pli serioza kaj eĉ komencanto en kurso nepre devus pagi ion por ligi lin al nia movado.

Jen la statistiko de nia membraro par U.E.F. :

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1956 | 1957 | 1958 | 1959 | 1960 | 1961 | jaroj |
| 898 | 942 | 1176 | 1189 | 1303 | 1384 | membroj |

Ni sendis al U.E.A. kiel kotizoj en 1961 :

| *Simplaj membroj* | *Individuaj membroj* | | | *Sume* |
|---|---|---|---|---|
| | MJ | MA | MS | |
| 1524 | 90 | 470 | 35 | 2119 |

### KORESPONDA SERVO

Depost multaj jaroj, S-ino Vincent efike laboris por trovi korespondantojn por niaj membroj. Ni tre dankas al ŝi. Pro la fakto, ke nun F-ino Hueter (el Clermont-Ferrand) zorgas pri la internacia servo de U.E.A. estas pli racie uzi rekte ŝian servon kiu kontentige funkcias.

### EKSTERAJ RILATOJ

De Unesko ni uzas la novaĵojn dank'al la gazetaran servon de U.E.A. kaj ni dissendas ĝiaj afiŝojn en Esperanto.

S-ro Rougetet regule rilatas kun la franca komitato de la neregistaraj organizoj. Li ĉeestas la ĉiumonatajn kunvenojn en UNESKO-palaco kaj li kaptas ĉiun okazon por komprenigi al la sep-dek asocioj partoprenantaj al N.R.O., ke Esperanto, en preskaŭ ĉiuj internaciaj problemoj estus grandvalora solvo. Per baloto, li fariĝis membro de la administra komisiono de N.R.O.

Aliflanke, S-ro Rougetet informas komercajn kaj industriajn firmaojn pri la uzado de nia lingvo kaj provas interesi ilin al nia movado, petante ilin partopreni per donacoj al nia informokampanjo.

U.E.F. estas nun aktiva membro de la Franca Federacio de la Popoluniversitatoj, kies Prezidanto estas S-ro A. Marie, iama ĉefministro kaj eksministro pri Publika Edukado. S-ro Pierre Petit, kiu estas nun honora Prezidanto de la Internacia Asocio de Popoluniversitatoj, sukcesis en Torino akiri gravan rezulton por la praktika uzo de Esperanto en la P.U.

S-ro J. Rousseau, filatelisto, sukcesis jam de du jaroj aperigi regulan Esperanto-rubrikon en « Le Monde des Philatélistes ». Krome, la ĉef-redaktoro, kiu ankaŭ scipovas nian lingvon, akceptas de li artikolojn tradukitajn en Esperanto. Aliflanke li partoprenis la internacian filatelan ekspozicion en Budapest, Sept. 1961, per prezentado de poŝtmarkoj laŭ la temo : Esperanto kaj Poŝto. Pro tio li ricevis diplomon. Menciinde estas, ke nur du partoprenintoj uzis tiun temon.

S-ro G. Gouget, prezidanto de la Kampada esperanta organizo kiu estas fako de la Internacia Federacio de Kampado estas konstante nia ambasadoro ĉe la diversaj kampadejoj. Pli kaj pli li estas favore konata, ricevas afablan akcepton kaj eĉ subvencion.

S-ro Paul Ciliga daŭrigas siajn rilatojn kun la mondfederistaj asocioj, kiujn li regule informas pri niaj aktivaĵoj. Komisiita de U.E.F. al publika kunveno, organizita de l'Energie Française, li prezentis Esperanton kaj trafe defendis ĝin kontraŭ la sofismaj pretendoj de iu S-ro Jacobes, t. n. « interlingvisto ». Same, en Palais de la Découverte, S-ro Ciliga publike rebatis la antaŭjuĝon de unu lingvisto pri la pretendita artefariteco de nia lingvo, akcentante ĝian delongan viviĝon kaj la ekziston de grandiĝanta nombro da denaskaj Esperanto-parolantoj.

### RILATOJ KUN U.E.A.

Ni regule korespondas kun S-ro Lapenna kaj Direktorino de la C.O., F-ino Vermaas, kiuj sendas al ni multajn cirkulerojn pri informo kaj agado.

Ĉiuj el vi konas la Jarlibron, kiu estas ĉiam pli ampleksa pro la kreskado de la delegitoj. Francujo alportis gravan kontribuon ĉar niaj membroj sukcesis ricevi bonajn reklamojn kaj nia delegita reto estas ĉiam la unua.

La revuo « Esperanto », regule aperas kaj speciala kajero « Belarto » estis eldonita. Ĉiuj niaj kluboj devus posedi ĝin por montri la kulturan valoron de nia lingvo.

17 Eminentuloj el diversaj landoj faris gravajn klopodojn por ke U.E.A. ricevu la Nobel-Premion en 1961. Ni ne sukcesis, tamen tiuj eminentaj personoj apogis nin, kej se ni daŭrigas tiun propagandon, ni povas esperi la sukceson. Ĉiuokaze la peto mem reprezentas gravan reklamon por nia internacia asocio.

Ni povas anonci ke U.E.A. posedas nun propran domon en Roterdamo. Ĝi konsistas el 19 ĉambroj, en la centro de la urbo. U.E.A. organizis la Universalan Kongreson en Harrogate kun 1.700 partoprenantoj. Ĝi estis vera arta festivalo kun 7 teatraĵoj, koncerto, kulturaj paroladoj de eminentaj profesoroj. La franca teatro havis specialan rolon kun J. Cocteau, J.-P. Sartre, kaj mezepoka nekonata aŭtoro de « Advokato Patleno ».

Ĝi provas denove aranĝi interŝtatan konvencion por oficiala lernado de nia lingvo en almenaŭ 5 landoj. Ankaŭ kun la helpo de bonaj propagandistoj, ĝi konatigas nian lingvon en Afriko kaj Azio. Nia samlandanino, S-ino Haudebine, efike laboras en Hindujo depost pluraj jaroj.

S-ro Larglantier daŭre laboras por la radio dissendoj kiuj estas regule presataj en la revuo « Esperanto ».

U.E.A. kaj C.E.D. kolektas informojn pri la agado por Esperanto en la diversaj landoj, aperigas la rezultojn kaj agas mem ĉe la diversaj registaroj.

Dank'al D-ro Lapenna, U.E.A. havas tre bonajn rilatojn kun UNESCO.

Fine, U.E.A. eldonas librojn kaj ni povas mendi de ĝi ĉiujn Esperantajn presaĵojn kaj revuojn de la tuta mondo.

## DELEGITOJ DE U.E.A.

Rigardante la Jarlibron de U.E.A. ni konstatas, ke Francujo havas la plej gravan nombron de delegitoj en la mondo. Jen estas la ciferoj : 153 delegitoj, 21 vic-delegitoj, 2 junulaj delegitoj kaj 123 fakaj. Entute 304. Tio reprezentas la dekon de la monda delegitaro.

Same kiel ĉiujare, ni petis informojn de kelkaj delegitoj kaj jen estas la respondoj kiuj venas de 83 personoj :

Nombro de demandoj ricevitaj : 414.
Demandoj pri turismo : 172.
Demandoj pri laboro : 33.
Demandoj pri radio : 13.
Diversaj demandoj : 196.

Aliflanke, tiuj samideanoj akceptis 301 vizitantojn, ĉefe de Eŭropo, sed ankaŭ de Japanujo, Novezlando, Sudafriko kaj Usono.

Kelkaj el niaj delegitoj plendas, ĉar ili ricevas, nek la servokuponojn de U.E.A., nek la poŝtkuponojn. Aliaj tre donemaj sendis diversajn pakaĵojn ĉefe al Orienta Eŭropo, ekzemple medikamentojn sen espero de repago. Eĉ samideanino sendis transistor-aparaton al Bulgarujo.

Leginte tiujn raportojn oni ne povas dubi pri la praktika uzo de nia lingvo kaj ni povas ripeti, ke nia U.E.A.-delegitaro estas unika en la mondo.

## KONKLUDO

**Jen rezultoj, kiuj povus esti ankoraŭ pli kontentigaj. Ni ĉiuj deziregas, ke la progresoj de nia movado estu pli rapidaj. Konsiderante niajn eblecojn kaj niajn laborojn, ni povas diri, ke nia propagando ne estis senefika. La oficialaj instancoj helpas al ni kaj ofte subvencias niajn grupojn aŭ manifestaciojn. La lernejoj malpli malfacile malfermas al ni siajn pordojn. En la gazetoj oni vidas pli multenombrajn artikolojn pri Esperanto. Ni decidis ankaŭ, laŭ ekzemplo de Brita Esperantista Asocio, aperigi pagitajn reklamojn en ĉefĵurnaloj.**

**Estu certaj, ke se niaj kapablaj samideanoj povos dediĉi almenaŭ kelkajn horojn pliajn ĉiusemajne, farante kurson, rilatante kun lokaj gazetoj, organizante diversajn aktivecojn de la grupo : programoj, konversacioj, paroladoj, ktp., kolektante kotizojn de aktivaj membroj aŭ simpatiantoj, la progresoj estos certe pli trafaj por ĉies profito.**

**De nia flanko ni estas pretaj helpi al la grupoj por la agado apud la lokaj instancoj, petoj de subvencioj, organizo de la loka vivo, sendo de propagandiloj, afiŝoj, libroj, kaj sonbendoj, aranĝo de prelegoj de vizitantoj.**

**Nia movado meritas iri rapide antaŭen kaj mi esperas, ke ni ĉiuj kune kaj kuraĝe laboros, despli ke U.E.F. estas agnoskita de la Instrua Ministrejo kiel popoleduka asocio, kaj ke la ŝtata subvencio al ĝi grandiĝas de jaro al jaro.**

La Prezidanto :
R. LLECH-WALTER.

## FINANCA RAPORTO (1960-1961)

| | | ENSPEZOJ NF. | | ELSPEZOJ NF. |
|---|---|---|---|---|
| Kotizoj ................ | | 5.207,18 | | |
| Gazetoj kaj eldonaĵoj .. | | 6.381,22 | | 6.707,01 |
| Donacoj ................ | | 2.924,85 | | |
| Libroj ................. | | 15.789,55 | | 13.072,50 |
| Subvencioj ............. | | 1.230 | | |
| Propagando .......... | | 3.998,52 | | 2.317,13 |
| Repagoj kaj Pagoj .... | | 1.440,25 | | 2.793,65 |
| poŝtaj .... | 998,71 | | 2.570,30 | |
| bankaj ... | 373,64 | | 212,48 | |
| diversaj .. | 67,90 | | 10,87 | |
| Profitoj : | | | | |
| ricevitaj kaj pagitaj .. | | 249,08 | | 112 |
| Kurso .................. | | 1.337,50 | | 74,50 |
| Karavano ............... | | 2.738 | | 2.474,40 |
| Diversaĵoj ............. | | 271,96 | | 285,10 |
| | | | | 82,80 |
| Internaj transpagoj .... | | 24.300 | | 24.300 |
| Impostoj | | | | 2.283,22 |
| Oficejaj elspezoj | | | | 2.722,52 |
| Sekretariino | | | | 5.050 |
| Materialo | | | | 951,48 |
| Veturigoj | | | | 525,86 |
| | | 65.868,11 | | 63.752,17 |

### EKSTER BUĈETO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Diversaj enspezoj | 39.067,15 | Deponoj pagitaj | 8.098,51 |
| Deponoj ricevitaj | 5.328,59 | Diversaj elspezoj | 35.480,21 |

### BILANCO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kaso ........... | 17,35 | Pruntita sumo | |
| Poŝtkonto ...... | 2.487,30 | (eldona fako) ... | 1.400 |
| Ŝparkaso ....... | 9.986,33 | Deponoj pagotaj | 7.043,40 |
| Banko .......... | 281,52 | Pagotaj sumoj | |
| Ricevotaj sumoj | 4.035,59 | al : | |
| | | Heroldo ...... | 1.400 |
| | 16.808,09 | U.E.A. ....... | 3.700 |
| | | Praktiko ...... | 130 |
| | | | 13.673,40 |
| | | Neta enhavo ... | 3.134,69 |
| | | | 16.808,09 |

La Kasisto : J.A. ROUSSEAU.

## Ĉiu el ni respektu la « Karan Lingvon »

Nia unua devo estas konservi la unuecon de Esperanto kaj tiucele ĝian simplecon.

Ĉiuepokaj restadis ĝis nun — tion mi opinias — la lastaj vortoj de Th. Cart, en la same lasta N° de Lingvo Internacia (Aŭg.-14-Dec. 1920).

Li unue memorigis la deklaracion de nia Akademio : « Netuŝebla estas dum la propaganda periodo nia Zamenhofa Fundamento ».

Natura estu la mem-evoluado de la lingvo sub la kontrolo de la Akademio, kies ĉefa devo estas, apogante sin sur la Fundamento, konservi internacie la lingvan unuecon ».

Li poste skribis :

« Helpon de tiuj, kiuj ne akceptas tiun Zamenhofan programon ni ne bezonas : nur ŝajnan — efektive pereigan — forton ili alportus al ni ».

Kvazaŭ kiel eĥo je la diroj de Cart mi jam skribis aliloke (1) sub la titolo « Nepre ni konservu la simplecon de Esperanto » la jenajn liniojn :

Ekde 1887, la Esperantistoj opiniis, ke la simpleco kaj do la facila lernebleco de la lingvo de D-ro Esperanto estas unu el la plej bonaj argumentoj por nia afero, kaj tiu simpleco rilatis ne nur la gramatikon sen ankaŭ, se ne ĉefe, la radikaron.

Zamenhof mem en sia « Unua libro de la lingvo Esp. Fundamenta Krestomatio » (Hachette 1903 p. 246-247) skribis :

« Mi kreis regulojn por vortfarado kaj per tio ĉi mi enportas grandegan ekonomion rilate la nombron de la vortoj ellernotaj, ne sole ne deprenante per tio ĉi de la lingvo ĝian riĉecon, sed kontraŭe farante la lingvon... pli riĉa el la plej riĉaj naturaj lingvoj...

Dank'al la supre montritaj reguloj kaj ankoraŭ al kelkaj flankoj de la lingvo, pri kiuj mi trovas superflue tie ĉi detale paroli, la lingvo fariĝas eksterordinare facila kaj la tuta laboro de ĝia ellernado konsistas nur el la ellernado de tre mal granda nombro de vortoj... ».

Ĉu ni zorgeme konservis tiun simplecon ?

Laŭ la Zamenhofaj konsiloj, kiam oni iras malsupren al io, oni malsupreniras, nun oni « descendas » ; kiam ; oni skribas sian nomon sub la finajo de letero, verko, ktp, oni subskribas ĝin — nun oni « signaturas » ; io estas malofta ? — nun ĝi estas « rara » — ĝi estas mallonga ? — ne, ĝi estas « kurta » — oni klarigas ion ? — ne, ĝin « eksplikas » ktp... kaj nun en niaj vortaroj, tro ofte ni vidas vortojn kun la signo = montranta al samsignifa vorto.

Ja oni povas argumenti ke malsupreniri, subskribi, malofta, klarigi, ktp. estas pli ĝuste difinoj de la objekto, ago, eco... kiun oni volas nomi ol iliaj vere specialaj nomoj. Sed ĉu, ĝuste, en tio mem ne kuŝas la simpleco de la radikaro, la facila lernebleco de la vortaro el kiu, prave tiam, Zamenhof tiris unu el siaj plej konvinkaj argumentoj favore al Esperanto ?

Oni facile kontraŭbatalas mian argumenton montrante, ke niaj naciaj malnovaj lingvoj entenas multajn vertojn kiuj estas esprimeblaj per pluraj samsignifaj radikoj kaj ke, se ne ĉefe, almenaŭ parte pro tio, oni nomas ilin riĉaj.

Mi ankaŭ konscias ke, kiam el simpla radiko oni tiam volis eltiri la nomon de multaj samcelaj sed tamen malsamaj objektoj oni ofte renkontis malprecizecon = Ni havis ja ĉe la komenco « pafi » el kiu ni eltiris « pafilo, pafileto, pafilego ».

Normala, kaj de Zamenhof mem dezirita evoluado de la lingvo, alportis pli precizajn vortojn por nomi vere malsamajn pafilojn = kanono, fusilo, karabeno, pistolo, revolvero, ktp.

Tian riĉiĝon, bone ! sed tiun, kiu por tute sama, mema vorto prezentas aliajn tradukojn, ne ! Ni nepre devas ĝin forjeti.

Kial ? kial do Esperanto ne same kiel la malnovaj raciaj lingvoj ne riĉiĝus per alpreno de multaj samsignifaj vortoj ?

Mi opinias, ke tiun riĉecon ni devas nun forrifuzi.

Mi rimarkigos ke jam el diversaj lokoj trans la fera kurteno samideanoj, kiuj restadis longatempe for de nia ĝenerala movado, plendas, dirante, ke tro da neologismoj, ofte francaj aŭ francaspektaj, almenaŭ eŭropaj, venis neutile malsimpligi nian lingvon, kiun oni ne plu rekonas en orienta mondo. Kelkaj eĉ diras, ke multaj el tiuj novaj radikoj venas el « Ido ».

Fine mi diros, ke kun dankemo kaj kontento mi ricevis altvaloran aprobon de S-ro Isbrucker, prezidanto de nia Akademio, kiu skribis al mi :

« Mi legis kun atento vian artikolon en Kulturaj Kajeroj. « Nepre ni konservu la simplecon de Esperanto » kaj mi povas diri al vi, ke mi plene akordiĝas kaj simpatias kun via vidpunkto. Zamenhof donis al ni simplan lingvon, sed la Esperantistaro pli kaj pli komplikigaŝiĝin per la aldono de tute ne bezonataj neologismoj. Ankaŭ en aliaj rilatoj oni fuŝas la lingvon per arbitraj ŝanĝoj, ekz. uzante « tiom... kiom » anstataŭ « tiel... kiel » ; dirante : « mi pretas » anstataŭ « mi estas preta » ; « la ĉielo bluas » anstataŭ « la ĉielo estas blua (aŭ bluiĝas) » ktp.ktp. Speciale niaj poetoj kaj aliaj tiel nomataj literaturistoj estas kulpbluaj pri tio. Mi dubas ĉu Zamenhof ankoraŭ komprenus la nuntempan Esperanton ».

Léon BELHOSTE.

---

(1) Kulturaj Kajeroj Nov. Dec. 1960.

N.D.R.L. — Kompreneble F.E. plene konsentas kun Léon Belhoste kaj la prezidanto de la Akademio.

### FRANCA ESPERANTO INSTITUTO

| | |
|---|---|
| La 3-2-61 F.E.I. posedis | NF 1.544,17 |
| Ĝis la 31-12-61 ĝi enspezis | 378,50 |
| Sume | 1.922,67 |
| Dum la sama periodo ĝi elspezis | 298,67 |
| Do en Kaso | NF 1.624,00 |

La elspezoj entenas :
- — Partoprenon al « Aldono al Programoj » ;
- — Partoprenon al florkono okaze de la morto de S-ro Couteaux ;
- — Aĉeton de libroj (Malsata Ŝtono, Faraona, Topaze, Dictionnaire Léger-Albault).
- — Parton de Kotizoj.

De la 3-2-61 ĝis la 31-12-61 F.E.I. disdonis :

233 Lernadojn, 36 Superajn Lernandojn, 26 Kapablecojn, t.e. 295 diplomojn.

25 kandidatoj malsukcesis : 19 Lernadoj, 5 Superaj Lernadoj, 3 Kapablecoj.

27 leteroj ricevis respondon.

Pierre TARDIEU.

# FRANCA KRONIKO

### NORDA FEDERACIO

LILLE. — 15 membroj partoprenis la unuan tradukan konkurson. La laùreatoj ricevos premiojn dum la ĝenerala kunsido, kiu okazos dimanĉe la 11-an de februaro, je 15 h., ĉe Maison du Commerce, 77, rue Nationale.

VALENCIENNES. — Post la sukcesaj regiona renkontiĝo kaj intervjuo ĉe Radio-Lille, la klubo organizos dum februaro letervesperon. Viajn kontribuaĵojn bonvolu sendi al la sidejo. Café Escargot, place d'Armes, Valenciennes (Nord).

### FEDERACIO RHONE-ALPES

**Dum nia kunveno de la 19 a de Novembro,** ni plezure aùskultis Finon Sage paroli pri la Kongreso de T.E.J.O. (Tutmonda Esperantista Junulara Organizaĵo), kiu kunigis multajn junajn Gejunulojn post la Universala Kongreso, en Wokingham, por aùdi interesajn prelegojn de Dro Lapenna, Sano W. Auld, ktp..., por amuziĝi, ekskursi, ĝui la anglan kamparon. La personoj interesataj de T.E.J.O. estas petataj sin turni al Fino Sage, 42, rue Louis-Saulnier, Meyzieu, Isère.

**Kaj Fino J. Perra parolis** pri neordinara kongresano de la Universala Kongreso de Harrogate : S-ro Anthony Brooke, lasta Raĵai de la Ŝtato de Seravako, kiu dediĉas sian vivon, sian tempon kaj sian... riĉecon al la kaùzo de la Paco. Okaze de konferenco, li renkontis Dron Privat, kiu komprenigis al li, ke li bezonas Internacian Lingvon por sia laboro por la Paco. Li do nun lernas Esperanton.



(Kl. « Nouvelle République »)

**Inaùguro de « Rue de l'Esperanto » en Fleury-les-Aubrais (Loiret)**

**Fino G.-Perra, 145, avenue Lacassagne, Lyon 3e, komunikas :**

« L'Ecole Libérée » afable akceptas artikolojn pri Esperanto ĉiumonate. Aliaj ĵurnaloj ankaù. Estas malfacile skribi ofte artikolojn pri la sama temo. Por helpi min, bonvolu doni al mi ideojn, indiki al mi E tekstojn por traduki. Nun mi ŝatus ricevi tekstojn en franca lingvo trovitajn en la franca literaturo, en kiuj oni parolas pri Esperanto, aù frazojn de famuloj. Antaùdankon.

**Vienne (Isère).** — 10an de Decembro 1961 :

Zamenhof-Festo, kiu sukcese kunigis 60 samideanoj de la regiono venintaj de Aubenas, Lyon, Montelimar, Romans, St-Etienne, Valence. Ni opinias nian Federacion la plej lerta por tiel facile kaj amike kunigi samideanojn diversurbajn, krom la kongresoj.

Matene okazis literatura kunveno. Sino Uline parolis pri la rilatoj de nia movado kun UNESCO kaj pri la partopreno de Esperanto al la kampanjo « Orient-Occident ». — S-ro Groussaud prelegis pri la evoluo de la lingvoj en la mondo, temo inspirita de la libro de Ivo Lapenna « Retoriko ». — Fino Marthe Reynaud skizis la vivon kaj agadon de la fama hindo Rabindranath Tagore, poeto, filozofo kaj patrioto, kies centan datrevenon la mondo festas tiun jaron. Lia verko « Malsata ŝtono » estas la unua libro tradukita esperantlingven en la kadro de la programo « Orient-Occident » .

La komuna manĝo (iom malfrua...) estis ege gaja kaj la posttagmezo dediĉita al viglaj amuziĝoj !

**Federacia Kongreso « Rhône-Alpes »,** ĝi okazos en nia urbo la Unuan de Aprilo 1962. Ni jam pripensis kaj prizorgis ĝin. Venu multnombrajn.

LYON. — La 6-an de decembro dum nia merkreda kunveno, ni havis l aplezuron de la vizito de niaj Gesamideanoj Roy. Ni plezure revidis ilin, kompreneble, kaj ni estis kontentaj ekscii, ke S-ro Roy verkis Esperantan studlibron, kaj ke li gvido E. kurson en Ecole Pitiot de la monato Januaro.

La 17-an okazis akcepton de S-ro Niŝiumi, Profesoro de nuntempa historio ĉe la Universitato de Tokio. S-ro Niŝiumi vojaĝas nun tra Eùrope dum unu jaro por fari studon pri nuntempa historio. Li afable montris al ni lumbildojn pri sia lando, kaj ni admiris la belulinojn de Japanujo, belajn malnovajn kastelojn kaj templojn, admirindajn japanajn artaĵojn.

### Eksterordinara kunveno okaze de miskompreno inter Ribot kaj Petit (Vienne 16-12-61)

S-ro Asqueri prezentas la aferon. Li legas la diversajn cirkulerojn ricevitajn de Ribot kaj U.E.F., koncerne la nunan miskomprenon inter Ribot kaj Petit. Li ankaù legas la leterojn, kiujn li sendis al Ribot kaj al U.E.F., atentigante, ke per ili, li esprimas nur sian personan opinion, ke la kunveno decidos je la fino. Li ankaù legas la respondojn al tiuj leteroj.

La ĉeestantoj bedaùras tian doloriĝan sintenon en movado paciga, inter homoj sincere esperantistaj, kaj esprimas la deziron, ke la afero aranĝiĝos de si mem plej frue, tiel evitante skismon kaj konfuzon inter la membroj de nia Asocio.

La ĉeestantoj konsentas kun Asqueri pro lia ĝisnuna sinteno en tiu afero, plene aprobante la pozicion, kiun li persone elektis.

Ili decidas tute neoportuna, eksterordinara kunveno antaù la Nacia Kongreso en Grésillon. Ili pensas, ke tia kunveno povos tre facile okazi ekz. sabaton vespere en privata kunvenejo kun nura partopreno de la interesatoj. Ili komisias al Asqueri la zorgon reprezenti la tutan federacion Rhône-Alpes.

Se la diversaj Federacioj post tute laùstatuta voĉdo-

nado decidos, pri oportuneco de eksterordinara kunveno, Asqueri reprezentos la Federacion Rhône-Alpes en tiu kunveno.

Sed, ili metas kondiĉon, ke la kunveno okazu en loko tre facile atingebla de ĉiuj, ekz. en Parizo, sed ne en loko tiel malfacile atingebla, kiel ekz. en Grésillon aŭ en Clermont-Ferrand.

### FEDERACIO ESPERANTISTA DE LA PARIZA REGIONO

**Kunveno de la 6-a Junuaro 1962**

La Federacio kunvenas sub prezidanteco de S-ro Petit kaj sekretarieco de S-ro Poly.

La Federacio aprobas la rezolucion de la Federacio Rhône-Alpes.

S-ro Petit legas deziresprimon de la Foyer Culturel Esperanto d'Aix-en-Provence.

Kiel respondo al tiu deziresprimo, la Federacio prezentas, por studado, la sekvantan programon de renovigo de U.E.F. :

**Rolo de la Federacioj.** — Ŝajnas al ni, ke la gvidado de la Asocio devas elveni el niaj federacioj, kaj pro tio. ni proponas la jenajn ŝanĝon en niaj statutoj :

« Art. 5 : La Konsilantaro de U.E.F. konsistas el :

a) Komitatoj A elektitaj de la aliĝintaj regionoj kaj fakaj federacioj.

b) Komitatanoj B al-elektitaj de la Komitatanoj A.

Ĉiu aliĝinta federacio kun 50 ĝis 100 membroj elektas unu komitatanon A kaj unu plian por ĉiu komencita plia cento.

Por certigi al la Asocio la kunlaboron de spertuloj, la Konsilantaro povas kompletigi la Konsilantaron elektante pliajn komitatanojn per sekreta voĉdono ĝis la kvarono de sia propra nombro ».

certe faciligos ankaŭ la akiron de lokaj regionaj kaj ŝtataj subvencioj.

La vivo de niaj lokaj asocioj devas ankaŭ ŝanĝiĝi. Esperanto ne plu devas esti la celo de la lokaj kunvenoj, sed nur la ilo per kiu oni akiras pli da kulturo, dank'al la rilatoj kiujn ĝi alportas per internacia kooperado (interŝanĝo de leteroj, de objektoj de aliaj civilizacioj). La laboro farita de F-ino Lemonnier en Paris, kun ŝiaj fervojistaj kunlaborantoj, de S-roj Llech-Walter en Perpignan, Frangeul en Angers, estas modeloj tiusence.

Fine, la lokaj asocioj devas direkti sian propagandon al la personoj, kiuj plej facile komprenas la utilecon de Esperanto. Ne estas senkaŭzo, ke Esperanto pli facile disvastiĝas en medioj kiel la fervojista kaj la popoluniversitata.

**Paroladoj kaj Kursoj.** — Parolado pri Esperanto nepre devas okazi kun la aprobo kaj laŭeble partopreno de la lokaj reprezentantoj de U.E.F. Parolado, eĉ se ĝi permesas vendi multajn librojn kaj pergajni la vivon de la paroladisto, tute ne sufiĉas. Ĝi devus esti sekvata de tuja kurso, se profesoro pri Esperanto estas loke disponebla, aŭ perkoresponda kurso, se oni ne posedas loke la kapableculojn.

**Loko de la Profesiaj Esperantistoj en la Franca Movado.** — Ekzistas en Francujo nuntempe pluraj esperanto-eldonejoj kaj oficejoj privataj por disvastiĝo de la lingvo. La gvidantoj de tiuj komercaj aferoj devas mem kompreni, kiel jam faras tute prave kelkaj el ili, ke ili ne havas sian lokon en la gvidado de la oficiala asocio (U.E.F.) kaj ties filioj, pro la fakto ke povas okazi ke siaj privataj komercaj interesoj povas esti kontraŭaj al tiuj de U.E.F. kaj ties filioj.

**Konsisto kaj laboro de la Konsilantaro.** — La konsilantoj devas havi difinan postenon, ekzemple :



(Kl. « Indépendant du Midi »)

**Honorvino ĉe la fermo de la Esperanta Kulturermajno en Perpignan**

Ni devas malkoncentrigi la administradon de U.E.F. La Centra Oficejo de Paris ne povas ĉion fari, ĉefe kiam la ĝenerala sekretario ne sufiĉe zorgas pri sia oficio, kiel okazis dum la tri lastaj jaroj. La ekzemplo de la Pola Asocia estas sekvinda. Ĉiu el niaj federacioj devus havi Federacian Oficejon, kun salajrata konstanta sekretario. Kompreneble, je la komenco, li aŭ ŝi povus havi nur kelkajn horojn da laboro semajne kaj la salajro estos malalta, sed, iom post iom, dank'al pligrandigo de la membraro, la regiona oficejo povos fariĝi simila al tiu de Paris.

Eĉ pli, niaj federacioj regionaj devus esti nur provizoraj. Post efektivigo de kvinjara plano, ni povus esperi havi federaciojn en ĉiuj departementoj de Francujo. La Federacio de la departemento « Drôme » montris al ni la vojon sekvindan.

**Nomo, Rolo kaj Laboro de Niaj Lokaj Centroj.** — Ni devas tute simple forlasi la malnovan nomon : Esperantista Grupo », kiu donas al la publika opinio, ideon de ni tute malindan, kvazaŭ ni estus ia sekto. Nova nomo jam aperis en Angers, Perpignan, Aix-en-Provençe. Ni proponas la nomon : « Kultura Centro Esperanto » (franclingve : « Centre Culturel Esperanto ». Tiu nomo

Prezidanto : Rilatoj kun la oficialaj instancoj. Akiro de ŝtataj subvencioj.

Vic-Prezidantoj : a) Ĝenerala administrado ; b) Revuo ; c) Informa fako ; ĉ) Instrua fako.

Ĝenerala Sekretario : Kongresoj. Kunvenoj de la Konsilantaro. Rilatoj kun la Federacioj.

Ĝenerala Kasisto.

Aliaj : Kvar por la organizo de la federacioj, laŭ la kvinjara plano. Du por la organizo de la fakaj federacioj kaj rilatoj kun ili. Unu por la tradukoj. Unu por la ekzamenoj.

Se pliaj estas, ili devos alporti sian helpon al la kasisto kaj al la kvar vic-prezidantoj.

**Rolo de la Komisionoj, kaj ĉefe de la Lerneja Komisiono.** — La rolo de la komisionoj estas nur studado kaj prezento de proponoj al la Konsilantaro de U.E.F., kiu havas la decidpovon.

Akceptita unanime.

La Prezidanto proponas : 1) provizore anstataŭi F-inon Aubrun, Sekretariino de la Federacio, per F-ino Suchareau, kiu akceptas ; 2) Al S-roj Jossinet kaj Mahé, ĉeesti provizore niajn venontajn komitatkunvenojn.

Pri la loko kaj dato de la venonta kongreso de la

Federacio, S-ro Guillaume interrilatiĝos kun S-roj Rougelet (St-Germain) kaj Tuffier (Boulogne).

***

S-ro Rousseau rimarkigas, ke rezolucio de la grupo de Bourg-la-Reine estis aprobita de 55 membroj. El tiu nombro, nur kelkaj estas anoj de la Federacio.

La Sekretario : P. POLY.

## PARIS

S-roj Carrière-Rives, Uze kaj Veillard, jam esperantistoj, fondis grupon ĉe R.A.T.P. kaj en ties sidejo. La 19-an kaj 20-an de Novembro, ili aranĝis ekspozicion.

Multaj personoj, inter kiuj unu direktoro, vizitis ĝin. 30 lernantoj enskribiĝis.

Estas dankataj ĉiuj, kiuj pruntedonis esperantistan materialon, speciale U.E.F. por la sonbendo pri Zamenhof en la radio-elsendo « Les Inconnus célèbres ».

### Zamenhof Tago

La 15-an de Decembro, plenplena salono, ege babilema, ĉirkaŭis kelkajn el niaj pioniroj : René Dubois, kiu persone konis la Majstron, partoprenis la unuan kongreson kaj multe faris por starigi la francan movadon, J. Guillaume, L. Laurat, la prezidanto P. Poly, la ĉiam sprita Raymond Schwartz.

Post legado de lastaj novaĵoj, nia Prezidanto petis al L. Laurat prelegi pri la Zamenhofa datreveno.

Estus nesaĝa pretendo priskribi la elokventan parolkapablon de S-ro Laurat. Multe pli facila estas aŭskulti lin :

« Ankoraŭ longe daŭros la religia venero por la Majstro. Inter ni, pioniroj vivas, kiuj lin vidinte prizorgas tiun memoron ; post ili, restos la morala heredaĵo, kiun li lasis.

« Lia intuicio inteligente ordigis la strukturon kaj la vortaron de la lingvo Esperanto. Nia lingvo estas la sola projekto, kiu fariĝis vivanta lingvo pro sia originala aŭ tradukita literaturo. Perfektajn ekzemplojn oni povas trovi : en « Topaze », la verko de Akademiano M. Pagnol, majstre tradukita de R. Bernard ; en la viglaj laboroj de niaj universalaj kongresoj ; en la multaj internaciaj konferencoj ; en la ŝercoj, anekdotoj, ĉefe en la verkoj de R. Schwartz. Jes, tiu bilanco donas al ni la rajton esti optimistaj ».

Por tion konfirmi, S-ro Schwartz rakontis kelkajn spritaĵojn. Iom poste, F-ino Colette Suchareau diris tri poemojn (la unua de Zamenhof) ; kaj denove bruetis la salono, ĉies babiladon foje kovrigis la tintado de la kelner-moneroj.

JULIETA.

## MEUDON (VILLEBON)

La festo organizita en Châtenay de S-ino Suzanne Buisson, tiel sindonema al Esperanto, estis sukcese vizitita dank,al la inteligenta kunlaborado de Prof. H. Leclerc. La duono de la ĉeestantoj estis loĝantoj de Châtenay kaj la cetero el ĉiuj asocioj : U.E.A., U.E.F., Fervojistoj, kaj el kelkaj grupoj : Bourg-la-Reine, St-Germain, k.t.tp.

Kiel en Parizo, la filmo pri Aŭstralio, vekis grandan interesiĝon ĉe la ĉeestantoj, ĉefe prola bona parolmaniero de S-ro R. L. Harry.

## FEDERATIO DE LA CENTRA REGIONO

### NOVA ESPERANTO-STRATO EN FRANCUJO

**(en Orléans — FLEURY-LES-AUBRAIS)**

Laŭ la iniciato de -Sro Raymond Petit, vicsekretario de la Orleana-Asocio « La Hedero », kiu loĝis sur nova strato sen nomo, la grava komunumo Fleury-les-Aubrais tute apud Orléans havas nun sian « Esperanto-straton » (rue de l'Espéranto).

S-ro Pierre Delaire, prezidanto de « La Hedero », oficiale inaŭguris tiun novan Esperanto-straton la 17-an de decembro kun la partopreno de proksimume 50 esperantistoj kaj diversaj oficialaj personoj.

Dek belaj Esperanto-flagoj dekoris la novan Esperanto-straton malantaŭ la ŝildo « rue de l'Espéranto », dum la tuta tago (dimanĉo) de l'inaŭguro.

La du lokaj gazetoj « La République du Centre » kaj « La Nouvelle République » longe raportis kaj enpresis foton de la manifestacio :

La loka grupo en Orléans (« La Hedero ») estas tre agema. La municipaj kursoj de S-ro Delaire (mercrede kaj dimanĉe en la knaba liceo) havas bonan sukceson, same kiel la monataj kunvenoj « Soirées Culturelles d'Espéranto » (Esperantaj Kulturaj Vesperoj) en la Komerca Ĉambro.

### ANGERS

La 12an de Oktobro, okazis la inaŭgura vespero de niaj kursoj, en la ĉambrego de la municipaj kursoj.

Por ilustri la propagandon paroladeton, ni prezentis la diapozitivojn pri esperanto kaj la movado, de S-ro. Lentaigne, de Montpellier.

Ili estas tre interesaj kaj bone elektitaj. Ni varme konsilas al la grupoj uzi tiujn lumbildojn por la neesperantista publiko.

Poste, ni aranĝis mallongan provlecionon kaj fine, ni prezentis du franclingvajn filmojn, afable prunte donitajn de « Union Industrielle des Pétroles » (ankaŭ bona adreso : Petu la katalogon de la filmoj, 18, strato Volney, Paris 2 ; ĝi entenas koloriajn filmojn pri multaj landoj).

15 personoj partoprenas tiun unuagradan kurson gvidatan de S-ro Audoin.

Aliflanke, la prezidantino de la grupo, Sino Cheverry, instruas la internacian lingvon al kelkaj knabinoj de metilernada centro, kaj S-ro Hubert zorgas, pri la dua grada kurso.

Nia grupo daŭrigas la serion de vesperoj pri la orientaj popoloj. La unua de la sezono — pri Hindujo — okazis la 21an de Novembro.

Por tiu vespero, dank'al Sino. Haudebine, kiu instruas esperanton en New Delhi, ni ricevis riĉan ekspozician materialon pri artaĵoj de granda valoro, el la kulturaj servoj de Hindujo. Sino Haudebine mem pruntedonis diversajn objektojn.

La hinda turisma servo de Parizo pruntedonis interesajn filmojn kaj ankaŭ donis afiŝojn, fotojn kaj faldfoliojn.

La 4a de decembro, la grupo akceptis S-ro Yutaka Waseda, el Nagoya (Japanio), kiu prezentis tre interesajn lumbildojn.

S-ro Waseda, dum sia restado en Angers, vizitis plurajn samideanojn kaj la kursanojn.

## FEDERATIO LANGUEDOC-ROUSSILLON

### PERPIGNAN

**La Kultura Esperantista Centro de Perpignan inde kunmemoris la 102an datrevenon de Zamenhof kaj la 13an datrevenon de la universala deklaracio pri la homaj rajtoj.**

Ĉar mankas la spaco, jen resumo pri la aranĝoj : Okazis prelegoj pri la du eventoj menciitaj ĉe la titolo en Lernejo Racine, Metia Lernejo « Jean Alio » kaj Porinstruista Seminario de Perpignan, kaj en la Metiaj Lernejoj de Rivesaltes kaj Espira de l'Agly (apud Perpignan), dum la memoriga semajno (10a ĝis 17a Decembro 1961). La dimanĉon 17 an, en Lernejo Racine, okazis solena festo, dum kiu oni ekspoziciis kaj komentis la afiŝojn eldonitajn de U.N.E.S.C.O. en Esperanto pri la Deklaracio de Homaj Rajtoj. Parolis al la ĉeestantoj S-ro. Llech-Walter, Prezidanto de Unio Esperantista Franca, S-ro André Ribot, el Marmande, S-ro Léo Lentaigne, el Montpellier kaj S-ro Dario Rodriguez, el Madrido. Ĉeestis, interalie, S-ro Barboteu, Inspektoro de la Junularo kaj Sportoj kaj S-ro Ducanchez, Intendanto de la Porinstruista Seminario.

---

### DONACOJ AL U.E.F.

**Subtenantoj membroj :**

Grupo F.F.E.A. (Le Mans) ; S-ro Jelenc ; S-ro Llech-Walter ; F-ino Vidal ; S-ro Gicquel.

**Donacoj :**

S-ro Blondeaux : 2,50 ; S-ro Caquant : 0,50 ; S-ino Buisson : 0,60 ; Anonimulo : 1,75 ; S-ro Perrelet : 9,50 ; S-ro Colney : 16,12 (Flano) ; D-ro Albault : 0,45 ; S-ro Canat : 4,50 ; S-ino Coulon : 1 ; S-ro Kraemer : 2 ; S-ro Lecoq : 5 ; S-ino Dore-Cary : 1.

---

### KORESPONDADO

Ferva Esperantisto deziras inter-korespondi svatiĝe kun bela, samideanino (17 ĝis 25 jaroj da aĝo). Enhavu bildon.

Edĉjo LACY, c/o Steimetz, 2220 NW Johnson St., Portland 10, Oregon, Usono.

# RECENZO

## LA ETA PRINCO

Antaŭ kelkaj tagoj, armea aviadilo forlasis min en urbeto meze de Saharo, kie mi peonas sur la granda ŝaktabulo de la « alĝeria problemo ». Mi relegis la **Vagadon sub Palmoj** de Ribillard por min adapti al la etoso. Kaj kiam alia aviadilo alportis la kurieron, mi ricevis pakajeton, videble senditan de la Redakcio de nia revuo. Mi malfermis ĝin kun scivolemo, kaj ekvidis la titolon : **La Eta Princo**. Mi unue ne kredis la proprajn okulojn...

⁂

En la verkaro de Antoine de Saint-Exupery, **la Eta Princo** okupas privilegian lokon (1). Provu forstreki el la listo de liaj verkoj unu el liaj aviadistaj romanoj : estos truo ; sed forstreku **la Etan Princon** kaj vi perdos Saint-Exupery mem. « Saint-Ex » — kiel nomis lin familiare la postmilita franca junularo, kiun li notinde influis — kvazaŭ eltiris la kvintesencon de la filozofio, kiu ŝprucas el la paĝoj de liaj romanoj, por verki fabelon, en kiu regas la plej senbrida fantazio, kaj kiu ŝajne destiniĝas al infanoj.

La filozofio, kiu sin kaŝas post la fabelo estas ja evidenta : ĉiu homo sidas sur sia propra planedo, ludas rolon, kiu permesas al li opinii sin grava, sed fakte konas nek la aliajn homojn, nek la Naturon. Por la reĝo, ĉiu estas regato, por la negocisto, ĉio estas posedaĵo, por la geografo, ĉio estas studobjekto — escepte de la aferoj « efemeraj », kompreneble ! —. Kaj ili ne konas tial, ĉar ili ne amas. Tial ili agitiĝas, ne sciante, kion ili serĉas. Tio estas la bildo de materialisma civilizacio, aŭ, se vi preferas, de la mondo de la plenkreskuloj, de la seriozaj homoj, kiuj kredas nur al la ciferoj. Kaj — ĉu paradokse ? — ĝuste ili vivas en plena fantazio, en mensogo, en malrealo, en frenezo.

Ne estas hazardo, ke la aŭtoro renkontas la etan princon en la dezerto. La paneo estas la haltigo de la ĉiutaga, rutina vivo. La mortdanĝero devigas la homon pripensi la sencon de la vivo. Kaj nur la dezerto, la izoligo for de la monda agitiĝo permesas la renkonton kun la eternaj veroj.

« Mi ĉiam amis la dezerton. Oni sidiĝas sur dunon el sablo. Oni vidas nenion. Oni nenion aŭdas. Kaj tamen io silente radias...

— Kio plibeligas la dezerton, diris la eta princo, estas, ke ĝi ie kaŝas puton... »

**La Eta Princo** estas revolucia verko, ĉar en ĝi nia vivkoncepto kaj vivmaniero esta plene senmaskitiga kaj kondamnita.

Sed oni eble tro ofte ripetis, ke **La Eta Princo** ne estas ferakonto por infanoj, sed morala simbolaro por plenkreskuloj. Pli ĝuste estas diri, ke ĝi ne estas nur libro por infanoj.

Estas vere, ke Saint-Exupery uzas temon, kiu estas klasika en la filozofia fantazia literaturo : la apero en nian mondon de loĝanto el fremda planedo. Sed la eta princo estas nek Guliver, nek Mikromegas, nek iu ajn Marsano, reprezentanto de iu « perfekta » mondo. Li estas infano. Oni devas konsideri lin kiel infanon : li havas sonoran ridon, amas la florojn la ŝafojn kaj la sunsubirojn, konversacias kun vulpo kaj... senĉese faras demandojn. Li ne primokas la vivmanieron de la homoj, li simple estas ĉe ĉiu paŝo frapita de ĝia absurdeco. Tamen, kiel ĉiuj infanoj, li penas kompreni : Kio estas tio ? Kial ? Kion utilas ? li ripete demandas. Sed ĉiufoje « li foriras perpleksa ». Lia ironio, ŝprucanta el ĉiu paĝo, fontas el infana koro ; ĝi do ne estas malica. Ĝi estas pura. La pureco de la infaneco... Kaj kiom da vera, profunda emocio en la aventuroj de la et princo kun la rozo kaj kun la vulpo !

Se **La Eta Princo** estas himno al la Amo kaj al la Amikeco, ĝi ankaŭ kaj nedisigeble estas himno al la « infaneca spirito », pri kiu Bernanos diris, ke ĝi juĝos la mondon. « Se vi ne fariĝas kiel infanoj... »

Kaj mi demandas min — ĉar mi estas ielete pesimisto — ĉu la hodiaŭaj plenkreskuloj kapablas kompreni la etan princon. Ili eventuale akceptas la kritikon ; sed la infanecan spiriton, ĉu ili pretas ĝin akcepti ? Mi dubas.

Sed mi pensas, ke la infanoj komprenos la etan princon, kaj povas do legi la libron. Eble ili memoros ĝin, kiam ili estos elkreskintaj. Eble. Ĉar « ĉiuj grandpersonoj unue estis infanoj, sed malmutaj el ili memoras pri tio ». Oni neniam scias, kiel diras la eta princo. Eble ili memoros, ke « la esenco estas nevidebla per la okuloj ». Ĉar preter la fabelo estas la realo, sed preter la realo estas io pli alta, videbla nur per la okuloj de la koro. Parenteze, niaj infanoj lernos interesajn aferojn pri la psikologio de la plenkreskuloj, kaj eĉ ricevos utilan moralan instruon : « la infanoj devas esti tre indulgemaj al la grandpersonoj ».

Rilate le « grandajn personojn », nu, ili faru tion, kion ili kapablas per tia senprecedenca libro. La raciistoj supozos, ke la aŭtoro, paneinta kaj izolita en la dezerto, estis viktimo de miraĝo kaj uzis literature la prisongitan renkonton kun la eta princo. Ili rimarkigos cetere, ke la malapero de la korpo — tiu « forlasita ŝelo » — de la eta princo pruvas ties neekziston. Eble tamen ili eltiros kelkajn utilajn ideojn, kaj eventuale interesajn aferojn pri la psikologio de la veraj infanoj. Se kelkaj el tiuj grandaj personoj tamen kredas, ke « la milito inter la ŝafoj kaj la floroj... estas pli serioza kaj pli grava, ol la adicioj de iu ruĝa sinjoro », tiuj akceptos senpene la fantazion. Kaj la filozofion ili ricevos krome.

⁂

**La Eta Princo** estas jam konata en la tuta mondo dank'al multnombraj tradukoj. Tamen, ĝia apero en la esperanta lingvo estas salutinda evento. Efektive, temas pri verko, kies universaleco postulas esprimon en la universala lingvo. Mi ja diras, ke **La Eta Princo** ne estas franca verko, sed verko universale la kaj franclingva. Ĝia esperantigo estas despli bonvena. Plie, la nefrancaj esperantistoj certe pli ŝatos la esperantan tradukon, ol la nacilingvan. Fine, se estas vere, ke **La Eta Princo** estas disvatigita en la tuta mondo, estas tamen partoj de la terglobo, kie ĝi ne estas konata. Estas Landoj, kie oni ne ŝatas, ke infano primokas la geografojn kaj la flugantajn maŝinojn. Sed nia lingvo traboras ĉiujn kurtenojn, kaj la esperanta traduko certe helpos al la disvastigo de la mesaĝo, donacita de iu fora princeto al la malsana kaj memfida homaro.

Tradukite, verko ĉiam perdas ion. Ĉe la traduko, **La Eta Princo** perdis siajn kolorojn. Financaj konsideroj devigis al tiu ofero. Bedaŭrinde, ĉar la infanoj amas la kolorojn.

Pierre Delaire estas konscienca, zorgema tradukanto. Lia instruista analizemo ne ellasas la prokimumaĵojn. Li neniam deflankiĝas de la originalo kaj uzas ĉiujn eblojn de nia lingvo por redoni kunmetitaj verboformoj estas nenecesaj, ĉefe kun la us-modo), tio estas el troa fidelemo. Tiu fidelemo kondukis ja al kritikindaj francismoj : **ne ankoraŭ** por **ankoraŭ ne** (p. 45 k 53), « la vojoj kondukas ĉiuj ĉe la homoj » por : ĉiuj vojoj kon-

# EN LA FRANCAJ LERNEJOJ

LERNJARO 1961-62

*ESPERANTO-KURSOJ EN LA FRANCAJ LERNEJOJ*

Statistiko laŭ informoj ricevitaj antaŭ la 1-1-1962

Rimarko : Inter krampoj : 1) Kiom da kursoj ; 2) Kiom da gelernantoj.

*Bublernejoj :* Besançon (1-10)

Interesa eksperimento de S-ino Trèsorier, laŭ sugesto de Supera Inspektorino

*Elementaj Lernejoj :*

Bergerac (1/17), Caluire (2/14), Les Andelys (2/10), Marseille (1/27), Vire (1/4).

Sume : 7 kursoj, 72 geknaboj.

*Mezlernejoj :* Instruado ĝenerala (C.E.G.) aŭ teknika (C.E.T.) :

Aix-en-Provence (1/10), Angers (1/13), *Cosnes-s./Loire* (8/210), Gap (3/16), Le Teil (1/18), Perpignan kaj Rivesaltes (3/53), St-Jean-en-en Royans (2/14), Sancoins (2/51), St-Etienne (2/11), Thiers (1/15).

Sume : 24 kursoj, 411 gelernantoj.

*Specialaj Lernejoj :* meza kaj teknika instruado :

Aix-en-Provence (2/20), Auxerre (2/10), Le Mans (1/25), Sotteville (2/25), Villeurbanne (2/16).

Sume : 9 kursoj, 96 gelernantoj.

*Liceoj klasikaj kaj teknikaj :*

Aix-en-Provence (2/26), Luçon (2/17), Montélimar (2/31), Montpellier (3/50), Rochefort (1/15), Royan (2/37), St-Avold (2/15), Thiers (1/25), Vire (1/18).

Sume : 16 kursoj, 224 gelernantoj.

*Instruist(in) aj Seminarioj :*

Aix-en-Provence : E.N. Garçons + E.N. Filles (2/36), Bordeaux E.N.G. (1/10), Bourges E.N.G. (3/65), Nevers E.N. Mixte (1/23), Perpignan EN. G. (2/35), E,N,F, (1/15), Versailles E.N.G. (1/22).

Sume : 8 seminarioj, 11 kursoj, 206 gelernantoj.

Entute : 69 kursoj, 1.019 gelernantoj.

Ei tiu provizora tabelo elstaras la imponaj rezultoj de S-ino Chaumereuil en Cosne-s./Loire, kiu gvidas 8 kursojn por 210 knabinoj dum la normala klastempo.

*GRAVA ALVOKO*

Sufiĉe multaj kursestroj (ĉefe el Liceoj kaj Seminarioj) ankoraŭ ne respondis. Ili plifaciligus nian laboron kaj valoran servon al niaj klopodoj sendante sen prokrasto la informojn pri la nuna stato de siaj kursoj.

Kiam nia tabelo estos pli kompleta, ĝi aperos kun detaloj en Franca Esperantisto.

Informojn al : Roger BLANC, Esp. Profesoro, SANCOINS (Cher). (Lerneja Komisiono).

PUBLIKAJ KURSOJ 1961-62 SUB AUSPICIOJ DE DIVERSAJ SOCIETOJ

Statistiko laŭ informoj ricevitaj antaŭ la 1-1-1962

Rimarko : Inter krampoj : 1) Kiom da kursoj ; 2) Kiom da gekursanoj.

Angers (1/15), Aubenas - Vallon Pontd'Arc (3/.. ?), Auxerre (1/8), Bayeux (0), Besançon (2/8), Bordeaux (1/6), Bourbourg (1/5), Briançon (?), Caen (2/22), Champagnole (1/8), Dijon (1/3), Fécamp (3/15), Franca Unuiĝo de Blindaj Esperantistoj (1/4), Hazebrouck (1/8), Hyères (1/5), La Garenne-Colombes (1/4), Le Havre (2/12), *Le Mans* (7/76), Lyon (6/26), Montélimar (1/15), Montpellier (1/22), Montluçon (0), Neussargues (1/7), Nice (1/2), Noyelles-Godault (2/5), Nyons (1/4), Perpignan (3/30), Rochefort (1/28), Rouen (2/10), Ruelle (1/4), St-Avertin (1/12), St-Etienne (1/3), Saumur (0), Strasbourg (1/15), Thiers (2/10), Vienne (0), Vire (1/6.

Entute : 55 kursoj, 398 gekursanoj.

Elstaras la rezultoj en Le Mans : 7 kursoj publikaj, 1 lerneja, gvidataj de 8 diversaj profesoroj.

*ALVOKO*

Al tiuj, kiuj ankoraŭ ne respondis aŭ ne povis sendi detalajn informojn, ni petas, ke ili informu nin akurate kaj precize.

Informojn al : Roger BLANC, Esperanto-profesoro, SAINCOINS (Cher).

---

dukas al la homoj ». La traduko de **chez** estas fakte delikata, kaj esprimoj, kiaj **kie situas « ĉe ci »** kaj **la homoj el ĉe ci** sonas iel mallerte **(cia hejmo** kaj **cia planedo** estus pli fluaj). La vorto **ekskuzo** (en la Dediĉo) por : pravigo, ne... pravigas sin. Sed, se al ĝi oni aldonas **orgojlo,** tio faras nur du neologismoj en la tuta libro. En ia libro, la forigo de neologismoj estas grava punkto.

Mi ne ŝatas la ofte renkontatan vorton **grandpersono.** Estas vere, ke « granda persono » pli taŭgas en la buŝo de infano ol « plenkreskulo », kaj ke tiu esprimo povas facile esti internacie komprenata. Sed la kunmetitaĵo **grandpersono** ŝajnas al mi malaprobinda. Oni scias, ke la granddukoj kaj etburĝoj sukcesis enŝovi siajn pseŭdo prefiksojn en niajn vortarojn. Kaj estas vane konsideri ilin esceptajoj (Waringhien : Grand Dictionnaire E.F.), ĉar en Esperanto esceptaĵo rapide **naskas... idojn.** Tamen **grandpersono** ne estas akceptebla, ĉar ĝuste en la infana mense **granda persono** havas sencon de konkreta, fizika grandeco, dum la pseŭdo prefikso **grand** (samkiel **et**) havas abstraktan, metaforan sencon.

Mi ne rezistus kontraŭ la tento nomi la rozon **si.** Tiu rozo estas ja ino, kaj la ripetita **ĝi** iom min ĝenas. La elekto estis ja delikata, kaj la tradukinto preferis fideli al la gramatiko. Sed eble tie, la nefrancaj legantoj pli bone juĝos, ol ni.

Ni ankaŭ notu la jenajn erarojn : la arkaismo **ŝafoviro** (p. 19), « iu konsolata eta princo » (p. 35 oni legu : konsolenda), « Seniluziigata » (p. 59) por : seniluziigita (ha ! la Diablo mem inventis la ata-ita-problemon !) la sama pejzaĝo, ol tiu » (p. 100 — devas esti : «... kiel tiu... ») ; kaj fine kelkaj plumeraroj : la **unua** lanterne de Sudpoluso » (p. 63 — oni legu : **unika**) « dudek mil mejloj » (p. 64 : dudek mejloj sufiĉas !) kaj « **li** aldonis » (p. 87) oni legu : **mi** aldonis.

Se oni esceptas aŭ korektas tiujn peketojn, la traduko estas modelo de simpla, klara, klasika lingvo, samkiel la franclingva originalo, kies aŭtoro, diras kritikisto, « timas uzi vortojn, kiuj venus el libroj, pli ol el la vivo ».

La unua provaĵo de la « Libro-Klubo Edelvejso » estas majstraĵo. Michel DUC GONINAZ.

---

(1) Antoine de SAINT-EXUPERY — LA ETA PRINCO, kun akvaleroj de la aŭtoro. Esperanta truduko de Pierre Delaire. Antaŭparolo de Ralph Harry. Eld. Libro-Klubo « Edelvejso » — Marton 1961 — Prezo : 12 NF (afrankite : 13 NF).

---

**RADIO-ZAGREB**

Ondolongo : 264,7 m. — Ĵaŭde.
Horo : 23,05 - 23,25 laŭ MET.

**Programo por februaro 1962 :**

La 1-an : Pri la figur-arto de la jugoslaviaj primitivoj.
« 8-an : La insulo Hvar.
« 15-an : Anegdotoj.
« 22-an : Respondoj al korespondantoj kaj novaĵoj el la movado.

# LA JUNULOJ J. E. F. O.

**J. E. F. O.**
**(Organo de Junulara Esperanta Franca Organizo)**

**ENKONDUKO**

Lastan jaron, dum la 16-a kongreso de TEJO en Rotterdam, ni konstatis ke nenia organizo por la gejunuloj ekzistas en Francujo. Konsiderante tiun mankon, nia amika Michel Turin kunvenigis nin por provi ĉesigi ĝin. Projekto naskiĝis. Novaj bazoj estis ĵetataj.

Ĉi-tiun jaron, en Woringham pli multaj gefrancoj partoprenis la kongreson. Denove ni kunvenis por plilarĝiĝi, vigligi la starigatajn bazojn kaj plenumi nian projekton.

Ni konservis por tiu nova sekcio la nomon jam donita, antaŭ kelkaj jaroj, okaze de tiama simila provo :

**Junulara Esperantiste Franca Organizo (J.E.F.O.)**

Ni elektis novan komitaton. Por faciligi la rilatojn inter la estraranoj, ni ilin elektis laŭ eble en la sama regiono. Tial la kontaktoj inter ni estos pli oportunaj ĉar pli rapidaj.

Por informi la diversajn membrojn de J.E.F.O., por krei veran ligilon inter ili, gazeto estas necesa. Sufiĉas simpla informa bulteno, aperanta akurate.

Okaze, ni dankegas korece, tute speciale, niajn antaŭulojn, kiuj spontane, enlasis nin en la kadro de la franca gazeto de U.E.F. : « Franca Esperantisto ». Ne nur ni havos la plezuron... kaj la devon verki du paĝetojn en tiu gazeto, ĉiuj du monatojn, sed ankaŭ la helpo estos pli granda se oni konsideras ke, post aranĝo inter U.E.F. kaj J.E.F.O. ricevos Francan Esperantiston, nur pere de sia kotizo.

Do, ni dankas U.E.F. pro la afabla varto alportita al nia jusnaskita organizo, pro ĝia favoro kontraŭ ni.

Krome, ni esperas eldoni dufoje ĉiujare multobligitan specialan ekzempleron. Ĝi estos despli riĉa kaj grava ke niaj junaj membroj laboros plimulte. Ke ĉiu tuj preparu originalan, bone verkitan tekston. De via laboro dependas nia sukceso. Ni ŝatus ke ĉiuj artikoloj aperu en nia internacia lingvo Ni formigu, ek de la komenco, la epokon de la « eternaj komencantoj ». Ni kuraĝu pensi, paroli kaj skribi vere internacie.

Mi volas substrekiĉ tiun fakton : ne nur la junaj gefrancoj ĉeestantaj la 17an IJK en Wokingham devas esti membroj de J.E.F.O. kaj kunlabori kun ni, kiel ili ĉiuj promesis entuziasme, sed ĉiuj junaj esperantistoj de nia lando. Ni estas pluraj centoj. Ĉu ni ne estus kapablaj starigi tian belan organizon, kiel niaj antaŭnaskitoj ?

Mi volas ankaŭ danki la aliajn grupojn de T.E.J.O., de la diversaj landoj reprezentitaj en Wokingham pro ilia afableco kontraŭ ni, ilia sincera intereso montrita, iliaj konsiloj kaj proponita helpo.

Niaj kamaradoj en Wokingham ofte parolis pri tiu franca provo de partopreno e nla agado de T.E.J.O. Post kelkaj amikaj ŝercoj, ili tuj montris veran scivolemon rilate nia laboro. Du prezidantoj de aliaj naciaj sekcioj de T.E.J.O. ĉeestis niajn kunvenojn kiel observantoj. Ili prezentis saĝajn rimarkojn.

Aliparte, kvankam mi ne rajtis reprezenti francan sekcion, (ne oficiale rekonata de U.E.A.), dum la kunvenoj de la estraranoj de T.E.J.O., Günther Becker, prezidanto de T.E.J.O., permesis mian ĉeeston kiel observantino. Tiel mi povis ekkoni la solvendajn problemoin, la gravan laboron plenumitan dum la kongreso kaj dum la tuta jaro en la diversaj sekcioj de T.E.J.O.

Mi havis la plezuron partopreni la ellaboradon kaj la redaktadon de la ĉi-sube publikita deklaro, koncerne tiun laboron kaj la antaŭvidatajn celojn de T.E.J.O. megriscul Ĉiuj membroj de J.E.F.O. bonvolu atente ĝin legi.

Marsejlo, la 4an de Septembro 1961.
Christiane GARRIŜUE.

## FONDUSO LOUIS BASTIEN

Antaŭ unu jaro mortis nia grandanima amiko Louis Bastien.

La Konsilantaro de U.E.F. deziras saluti lian memoron dumaniere, unue per memortabulo ĉe la tombo kaj due per donaco de speciala premio al la gvidantoj de la Federacio, kiu proporcie pli progresis dum la tuta jaro.

Por sukcesigi tiun deziron, F.E. malfermas monkolekton sub nomo « Fonduso Louis Bastien ». Sendu ĉiujnoferojn al U.E.F., P.C.K. Paris 855-35, Fonduso L. Bastien.

**LA KOLEKTANTO INTERNACIA**
**(Eldonas Jugoslavia Esperanto-Ligo)**

Jam de longue la tutmonda kolektantaro sopiras pri bele presita revuo ! Finfine, la deziroj fariĝas realaĵo !

La 1-a numero aperis la 15-an de julio, kaj la 2-a je la 15-a septembro ; la revuoj entenas ĉion interesan, ne nur por la filatelistoj, sed ankaŭ por aliaj kolektantoj (moneroj, glumarkoj, ...). Krome, multaj bildoj ilustras la enhavon, kaj la anoncetoj por interŝanĝoj certe allogos la legantaron.

La **Kolektanto Internacia** aperas ĉiuj dumonatoj, sed se la nombro de la abonantoj estus sufiĉe granda, la revuo baldaŭ aperus ĉiumonate ; tial ni alvokas por subteno de tiu-ĉi nova organo ! Provekzemplero : 1 NF. ĉe la franca peranto : Jean Dalet, 79 bis, rue du Château, Asnières (Seine)

**ESPERANTA GEEDZIĜO**

**Gesinjoroj Chareyre havas la plezuron informi vin pri la edziĝo de ilia filo René kun Fraŭlino Kalitéa Kalpaĉeva.**

**La geedziĝo okazis la 15-an de Novembro 1961 en Sofio.**

**Korajn gratulojn al la geedzoj.**

---

**NEKROLOGO**

**Ni ĵus sciigis la morton de Sro NUIDAN el Savigny-les-Beaune, Honora Federacia Prezidanto, kaj eks-Delegito de U.E.A.**

**Lia funebre ceremonio okazis la II-an de Decembro, je la 16-a, en Savigny-les-Beaune.**

**Pioniro de la unua horo, li partoprenis, kun lia edzino, nombrajn unuajn internaciajn kongresojn. Antaŭ 1914-a li estis Deligito de U.E.A. Ĉis en 1935-a nombrajn kursojn li gvidis en Savigny-les-Beaune. Ĉiujn federaciajn kongresojn li ĉeestis ĝis pasinta jaro.**

**Ni petas S-inon Nuidan, kaj ŝia familio, akcepti la esprimon de niaj sinceraj kondolencoj.**

---

**LIBERA TRIBUNO**

En la artikolo « Doktoro, mi ŝatas la ruĝon » (Franca Esperanto-Revuo nº 202, p. 98) troviĝas la frazo :

« ... ili riskas korajn perturbojn ».

Tio povas signifi france

« ... des perturbations cordiales »,

kion la aŭtoro certe ne intencis.

En la citita kazo, estas preferinde uzi la jenan formon, pli adekvatan :

« ... ili riskas **koro-perturbojn** » (aŭ **kor'perturbojn**). Uzeblaj ankaŭ estus : **perturbojn en la koro** (aŭ **en-korajn perturbojn**) respektive : **perturbojn ĉe la koro** (aŭ **ĉe-korajn ...** ) kaj, se malpli difinite : **perturbojn je la koro.**

A. L.

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

## ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,45 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 5,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) avec corrigés | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thailiet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés | 4,70 |
| L'Espéranto en douze leçons (Pierre Delaire) | 13,00 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 11,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 12,50 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 6,00 |
| Unua Legolibro (Kabe) | 2,00 |
| Universala Legolibro (Fricke) | 2,00 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaù) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |

## DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Espéranto-Français (Waringhien). | 30,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 5,40 |
| Naùlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 15,00 |
| Scienca kaj teknika terminaro | 20,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 2,40 |

## HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado (Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita | 8,50 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 20,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 18,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 8,50 |

## LITERATURO

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 2,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) 7,50 ; bindita | 12,00 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 3,50 |
| La Goja Podio (R. Schwartz) | 4,50 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,20 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 15,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Naĵivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 9,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Tempo-Maŝino (H.G. Wells) | 1,70 |
| La Virineto en Bluo (Mason Stuttard) | 3,30 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| Fabloj de La Fontaine | 2,00 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 3,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| La Stranga Butiko (Schwartz) | 3,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |

## FILOZOFIO & RELIGIO

| | |
|---|---|
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 3,00 |
| Sankta Biblio, bindita | 10,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

## GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| Pariza Gvidlibro Ilustrita | 2,50 |
| De Parizo al Lazura Marbordo (Rétot) | 1,60 |

## ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

| | |
|---|---|
| Retoriko (Lapenna), bindita | 16,50 |
| Atakoj kontraŭ Ĝardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7,50 |

## GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 8,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉe) I, II, III, ĉiu | 10,00 |
| **Livres illustrés pour les jeunes (Série)** | 10,00 |

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Espérantiste Française, 34, rue de Chabrol, Paris X[e]. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie Coconnier

Le Gérant : J. Guillaume.